# der esperantist

**Mitteilungsblatt der Esperantofreunde im Kulturbund der DDR**

18. Jahrgang Nr. 112 (2/1982) ISSN 001 4-0619 30 Pf

**La Monda Kongreso de Virinoj en Praha (8.–13. 10. 1981)**

## „Egalrajteco, nacia sendependeco, paco"

### Alvoko al la virinoj de la mondo

La minaco de hidrogena milito danĝere ŝvebas super la homaro — kiel neniam antaŭe. Ĝi endanĝerigas ĉiun virinon, ĉiun viron, vian infanon — ĉiujn infanojn.
Sekve de la vetarmado elvokita de registaroj ambiciaj al militsupereco, pere de tiuj, kiuj alproprigas al si grandegajn profitojn el la negoco per la mort-portantaj armiloj.
La dislokigo de novaj direktigotaj armiloj por pafdistancoj en Okcidenta Eŭropo kaj fabrikado de neŭtronaj bomboj kondukos al pli novkvalita, pli danĝera vetarmado. Tempo urĝas. La vetarmado pli rapidas, kaj minacas danĝero veni sur la vojon de kie reveno ne ekzistas.
Estas urĝe, kiel unua rimedo malpermesi la neŭtronajn armilojn, haltigi la amasigon de la hidrogenaj armiloj en Eŭropo kaj komenci trakti serioze pri ilia malplialtiĝado.
Fabrikado kaj vastiĝado de hidrogenaj armiloj en Proksima Oriento, en Afriko kaj aliaj mond-kontinentoj ne okazu, armil-bazoj, kie oni instalis la hidrogenajn armilojn — ĉi tiuj devas esti likviditaj; uzo de ĉi tiuj aŭ aliaj amasdetruaj armiloj devos esti kondamnita kiel krimo kontraŭ la homaro. Ĉiuj ekzistantaj provizoj de la armiloj devas esti detruitaj, por tiel montri paŝon al la ĝenerala kaj kompleta senarmigo.
Ĉiun minuton oni elspezas unu milionon da dolaroj por armigo. Milionojn da homoj — virinoj kaj infanoj — suferas kaj mortadas pro malsato, laŭ rekta kaŭzo de la disponigo de financfontoj por amasigo de armiloj. Tiu ĉi amasigo de armiloj senigas homojn pri ĉiutaga manĝaĵo, vestaĵoj, hospitaloj, lernejoj kaj labor-okazoj. Grandaj milit-elspezoj senigas virinojn de la necesaj kondiĉoj por aplikado de iliaj rajtoj.
Amasigon de l'armiloj oni devas haltigi.
La danĝero de la hidrogena katastrofo estas intensigita pro ekspansiaj ambicioj de tiuj, kiuj fidas, ke tutaj teritorioj de la mondo povus servi por iliaj egoismaj celoj. Tiel oni kreas kaj plimalbonigas la fokusojn de la milita streĉeco kaj konflikto.
La monda paco kaj sekureco estas endanĝerigata de tiuj, kiuj klopodas malhelpi al la landoj, kiuj liberigis sin kaj detronigis kolonian dependecon, por ke oni povu vivi en paco.
Agresivajn agojn oni entreprenas kontraŭ ĉi tiuj nacioj kaj kontraŭ homoj, kiuj luktas por sia nedeprenebla rajto por memdecido, nacia sendependeco kaj socia progreso.

**Mesaĝo de la prezidanto de UEA:**

## *Prosperan kunlaboron en 1982!*

La Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj fine de novembro proklamis la jaron 1983 — Internacia Jaro de Komunikado. La Esperanto-movado kiel tuto, kaj UEA specife, pro siaj rilatoj kun la specialigitaj organizaĵoj de UN (Unesko, Ekonomia kaj Socia Konsilio), povas grave kaj tre signife kontribui al tiu agado de la ĉefa monda organizaĵo. Niaj preparoj por la Internacia Jaro de Komunikado devus okazi dum 1982. Nia kontribuo al la Jaro elstarigu la rolon de la Internacia Lingvo Esperanto kiel pontolingvo, kiu ebligas rektan, personan kontakton inter miloj kaj miloj da homoj el ĉiuj anguloj de la terglobo. Ni emfazu, ke tian senperan komunikadon povus ĝui la tuta homaro, se la instruado de Esperanto fariĝus ĝenerala kaj tutmonda. Ni atentigu la mondan organizaĵon — kaj pere de ĝi ankaŭ la tutan mondon —, ke komuna internacia lingvo estas por la tutgloba komunikado almenaŭ same esenca kaj same fundamenta kiel la teknikaj kaj ekonomiaj rimedoj.
Per fundaj preparoj en 1982 por la Internacia Jaro de Komunikado, ni samtempe pretiĝas por la Jubilea Jaro 1987. La Estraro de UEA konscias, ke en la internacia Esperanto-movado mankas adekvataj strukturoj, kiuj

---

Armad-teroron oni ekscitas eĉ kontraŭ la nacioj, al kiuj estis forprenita ilia patrolando. Ĉi tiuj agoj devos ĉesi!
Ĉiuj formoj de senrajteco, rasa kaj koloniala subpremado de la nacioj, devos esti forigitaj de tersupraĵo.
Estas eble kaj necese malhelpi militon.
Pli grava ol kiam ajn antaŭe montriĝas, ke konfliktaj situacioj tutmondaj — devos esti solvataj politike, sur la bazo de traktado, kaj neniam per la uzo de militiloj!
Forta paca movado disvolviĝis tutmonde, kiel neniam antaŭe. Por ke niaj infanoj kaj la homaro transvivu, estas necese, ke ĉi tiu movado fariĝu ankoraŭ pli potenca kaj unueca, por ke ĝi fariĝu nevenkebla forto.
Virinoj konsistigas la pli grandan parton de la civitanoj de la mondo. Ĉu niaj infanoj vivos en mondo de la paco, aŭ ĉu la vivon de nia planedo oni ekstermos — pere de hidrogena milito, dependos de ni — virinoj.
La tempo urĝas!
Alarmante ni alvokas la virinojn de la mondo eluzu ĉiujn eblajn rimedojn: sendu leterojn, rezoluciojn el la kunvenoj kaj manifestacioj, sendu petskribojn, apelaciojn, por ke oni organizu marŝojn. Oni postulu ĉe ĉefaj reprezentantoj kaj la registaroj praktikajn prizorgojn:
- por haltigi vetarmadon en ĉiuj formoj,
- por tuja traktado pri politika solvado de eksplodigaj internaciaj problemoj,
- por ŝanĝi la Internacian Tagon de Virinoj, la 8an de marto 1982, en la tagon de batalo de virinoj sur la tuta mondo — kontraŭ minaco de nuklea katastrofo.

Levu viajn voĉojn, por ke ni estu aŭdataj eĉ de tiuj, kiuj ŝajnigas sin surdaj! Agu komune! Se ni unuiĝos, ni povos savi niajn proprajn naciojn kaj la tutan homaron.

Esperantigis Marie Turková,
prezidantino de Virina Komisiono de MEM
kaj delegitino de Monda Kongreso de Virinoj

ebligus festi la centjaran jubileon de Esperanto tiel, ke ĝi estu samtempe plene malfermita al la ekstermovadaj instancoj kaj personoj, kaj ke ĝi, aliflanke garantiu poste la kontinuecon de tiuj agadoj, kiuj montriĝos plej efikaj. Mobilizi ĉiujn movadajn fortojn por kunordigita agado mondskala — tio estas malnova kaj ŝatata revo de la Esperanto-parolantoj. Tia ĝenerala mobilizo almenaŭ parte jam okazis en la pasinteco, sed ni nun scias, ke ĝiaj sekvoj kaj rezultoj estis mallong-daŭraj kaj ne-esencaj por la Movado mem. Ankaŭ tiam mankis la adekvataj strukturoj por garantii la kontinuecon.
Aliflanke, ni ne bezonas kalkulilon por konstati, ke la Esperanto-komunumo disponas pri grandega potencialo ĝuste por mondskala agado kun longdaŭra efiko. Neniu alia internacia neregistara organizaĵo disponas pri tia tutmonda reto de kunlaborantoj kian havas nia Movado. Sed niaj strukturoj en la internacia skalo ne uzas plene tiun potencialon.
Universala Esperanto-Asocio kaj kelkaj ĝiaj landaj asocioj komencis krei komunajn oficejojn en kiuj ili intime kunlaboras. UEA certe daŭrigos laŭ tiu vojo de la t. n. ekspansio. Provizore, tio estas la sola vojo alirebla per niaj rimedoj. Nia deziro estas, ke tiu vojo multfoje kruciĝu kun la vojoj kaj direktoj de aliaj internaciaj aŭ regionaj movadaj organizaĵoj. Tiel estiĝos komuna cirkvito de kunlaboro kaj apogo al komunaj ideoj kaj interesoj. Tiel, iom post iom, kreiĝos ankaŭ tiu strukturo nun mankanta en la internacia Esperanto-movado.
Ni memoru, tamen, ke strukturoj emas sendependiĝi, perdi kontakton kun la bazo, kiu kreis ilin, ekkonstrui por si mem, finfine. UEA volas preventi tiun danĝeron per la komencita malcentrigo de siaj agado, instancoj, administrado. La graveco, kiun la komitataj komisionoj komencis ludi en la vivo de la Asocio, estas ankaŭ kontribuo al la provoj superi la danĝeron kiun prezentas strukturoj ekzistantaj por si mem.
En tiu rilato leviĝas la problemo de la informfluado. Ni ofte lastatempe diskutis la principojn de nia informado: desupre aŭ desube. Ni emas preteratenti, ke tiu ĝenerala problemo pri la informfluo ekzistas ankaŭ interne de la Esperanto-movado. Niaj strukturoj ne estas konceptitaj por desuba informado aŭ ni tute ne reagas, se tamen okazas la informfluo tiudirekta. La bedaŭrinda sekvo estas, ke unuopuloj kaj lokaj grupoj tute ne plu inklinas al nacia aŭ internacia kunlaboro, sed ili tute memstare kaj izole provas plani kaj agadi.
Al ĉio ĉi aldoniĝas la fakto, ke la horizontala dimensio de la komunikado interne de la Movado entute mankas aŭ estas tia, ke oni ne rimarkas ĝin. Ne sufiĉas, ke UEA kaj SAT interŝanĝas salutantojn dum siaj kongresoj. Tiuj kongresaj vizitoj devus havi ankaŭ aliajn konsekvencojn. Ili devus utili por la kunordigo de niaj kultura kaj eduka agadoj. Eĉ kiam komitatano aŭ alia funkciulo ĉeestas private, sen specifa komisio, jarkunvenon aŭ renkontiĝon de alia Esperanto-organizaĵo, ankaŭ tio povus kaj devus havi pozitivajn sekvojn por la informado kaj kunlaboro inter tiu organizaĵo kaj UEA. Ni ĉesu pensi pri tiu absurda timo, ke ĉiu reprezentiĝo de UEA ĉe SAT kaj inverse signifas, ke la unua perdas sian neŭtralecon aŭ la dua fariĝas neŭtrala. Tiu transplantado de iaj ekstermovadaj zorgoj kaj timoj estas tute superflua en la Esperanto-movado. Anstataŭe, ni kunlaboru sur la kampoj kaj pri la ideoj, kiuj estas komunaj al ni ĉiuj. Unu el tiuj multaj komunaj kampoj estas la preparo por konvena kaj kiel eble plej efika prifestado de la Jubilea Jaro 1987, al kiu ni ĉiuj ligas grandajn esperojn pri la plua disvastigo de la Internacia Lingvo.

Prosperan kunlaboron deziras al vi ĉiuj..

*Grègoire Maertens*

## Unua Nacia Plenkunsido de KEA

La 8an kaj 9an de aŭgusto 1981 Kuba Esperanto-Asocio okazigis sian unuan nacian plenkunsidon, aranĝo komparebla al landa delegita konferenco. Ĝi okazis en la ejoj de la Akademio de Sciencoj de Kubo.

La delegitoj el pluraj kubaj provincoj traktis la faritan laboron ekde la fondiĝo de la asocio (junio 1979) kaj la planojn por la jaroj 1982/83.

Oni antaŭvidas okazigi la unuan kongreson de KEA en la jaro 1985. En la raporto oni i. a. substrekis la rimarkindan fakton, ke en la kvin trinivelaj Esperanto-kursoj en Havano pli ol 2 mil gelernantoj ricevis partoprenateston. Oni planas eldoni vortarojn Esperanto—Hispana kaj Hispana—Esperanto fare de la Eldonejo Scienc-Tekniko de la Ministerio de Kulturo. Oni krome antaŭvidas eldonon de internacia revuo en 1982.

La plenkunsido nomumis „distingita membro" la kamaradojn Raul Juárez Sedeño (Kamagvejo) kaj Pedro Pablo Lámas Díaz (Ciego de Avila) pro ilia multjara sindona laboro por Esperanto.

La nove elektita estraro de KEA konsistas el jenaj membroj:

Prezidanto: Inĝ. Andrés Rodríguez  
Vicprezidanto: Lic. Serañu Marrero  
Sekretario pri Organizo: Rufino López  
Sekretario pri Publikaj kaj Internaciaj Rilatoj: Lic. Bárbara Ona  
Sekretario pri Propagando: Juán Lázaro Besada  
Sekretario pri Financo: Julio Martínez  
Sekretario pri Kulturo: Gregorio Calabozo  
Sekretario pri Edukado: Julian Hernández  
Anstataŭantoj: D-rino Noemí Saldanas kaj Claritta Linton.

Kulturprogramo, kursfina aranĝo kaj kunvoko al la 6a kurso finis la plenkunsidon.

Pro eventualaj koresponddeziroj oni povas skribi al: *Kuba Esperanto-Asocio, Poŝtkesto 314, Havano 1.*

Centra Estraro de GDREA alvokas ĉiujn siajn Esperanto-grupojn ligi rektajn kontaktojn al Kubaj esperantistoj. Estas substrekinde, ke la oficiala interŝtata kultura kontrakto (1981 — 1985) Kubo-GDR-mencias inter alie ankaŭ la dezirindecon de kunlaboro inter KEA kaj nia asocio.

---

### Migranta ekspozicio?

Esperanto-Komisiono de Uzbekio havas eblecon disponigi al vi foto-ekspozicion pri Uzbekio kun Esperanto-subskriboj. Se viaj grupoj povas eksponi ĝin, bonvolu peti ĝin oficiale de la E-Komisiono.

La ekspozicio povas iĝi migranta, kaj vi povas sendi ĝin al viaj E-amikoj en- kaj eksterlanden. Adreso: Esperanto-Komisiono, str. Aĥunbabajeva 1, SU-7000 Taŝkento, Uzbekio, USSR.

# Tonbanddienst

Die Entwicklung guter Sprachfähigkeiten und das Gefühl für eine den internationalen Normen angepaßte Aussprache des Esperanto wird durch das häufige Hören von Beiträgen in der Plansprache wesentlich gefördert. Vorträge guter Redner vom Tonband sind wertvolles sprachliches und gleichzeitig bildendes Material, das viel zu wenig genutzt wird.

Der Esperanto-Verband im Kulturbund der DDR hat deshalb einen Kassetten-Tonbanddienst eingerichtet. Bisher liegen folgende Programme vor (jeweils auf 60-Minuten-Kassetten):

1. a) Rede des Präsidenten des Esperanto-Weltbundes (UEA), Dr. Humphrey Tonkin, auf dem 63. Esperanto-Weltkongreß 1978 in Warna, 40 Min.
   b) Chansons in Esperanto, 20 Min.
2. a) Prof. Dr. Magomet Isajev, Akademie der Wissenschaften der UdSSR (Institut für Sprachwissenschaft), Vors. des Verbandes Sowjetischer Esperantisten: „Sprachprobleme und Interlinguistik in der UdSSR", Vortrag im Rahmen der Sommer-Universität auf dem 59. Esperanto-Weltkongreß 1974 in Hamburg, 40. Min.
   b) Dr. Ferenc Jaki, Ungarn, „Esperanto — Mittler der Weltliteratur" (Karl-Marx-Stadt 1967), 20 Min.
3. Anna Seghers: „Der Ausflug der toten Mädchen", in Esperanto übersetzt und vorgetragen von Eva Seemanova, Schauspielerin aus Prag (III. Zentrales Treffen der Esperantisten im KB 1978 in Rostock), 60 Min.
4. Prof. Gaston Waringhien (Frankreich), ehemaliger Präsident der Akademie des Esperanto, „Die Entwicklung des Esperanto-Wortschatzes". Vortrag im Rahmen der Sommeruniversität auf dem 49. Esperano-Weltkongreß 1964 in Den Haag.
5. Rudi Graetz „Esperanto im Klassenkampf" (deutschsprachig). Vortrag auf dem Kolloquium über den Beitrag der Arbeiter-Esperantisten zur Entwicklung der deutsch-sowjetischen Freundschaft, 1974 in Gotha.
6. Prof. Dr. Eugen Bokarev „Die internationale Sprachensituation und Möglichkeiten ihrer Vereinfachung". Vortrag auf dem internationalen Treffen der Esperantisten im Rahmen der Ostseewoche 1967 in Rostock. Der Vortrag wird (satzweise) von D. Blanke ins Deutsche übersetzt. Der Text des Vortrages wurde in „der esperantist" Nr. 15 (Okt. 1967) abgedruckt und ist beim Tonbanddienst erhältlich.
7. Prof. Dr. Istvan Szerdahelyi, Fachbereichsleiter Esperanto am Lehrstuhl für Angewandte Sprachwissenschaft der Universität Budapest, „Der pädagogische Wert des Esperanto", ein Vortrag auf dem internationalen Seminar „Wissenschaftliche Aspekte des Esperanto", April 1978 in Ahrenshoop.
8. a) Dr. Otto Haszpra, Budapest, „Hauptrichtungen in der Entwicklung der fachwissenschaftlichen Anwendung des Esperanto". Vortrag auf dem internationalen Seminar „Wissenschaftliche Aspekte des Esperanto", April 1978 in Ahrenshoop, 40 Min.
   b) Diskussion im Plenum zu Fragen der Auswertung des Seminars, 20 Min.
9. a) Dr. Arpad Mathé, Budapest, „Probleme der praktischen Anwendung des Esperanto für die Wissenschaft". Vortrag auf dem internationalen Seminar „Wissenschaftliche Aspekte des Esperanto", April 1978 in Ahrenshoop, 35 Min.
   b) Dr. Ludvik Fritsch, Prag, „Technische Wörterbücher — Probleme der Fachterminologie in Esperanto". Vortrag auf dem internationalen Seminar „Wissenschaftliche Aspekte des Esperanto", April 1978 in Ahrenshoop, 25 Min.
10. a) Dr. Detlev Blanke „Einige Fragen der esperantologischen Forschung". Vortrag auf der I. Internationalen Esperantologischen Konferenz im Rahmen des 63. Esperanto-Weltkongresses 1978 in Warna, 30 Min. (inkl. Eröffnung und Grußansprache von Prof. Pool, USA).
    b) Boris Kolker, Lektor für Interlinguistik an der Baschkirischen Staatsuniversität Ufa/UdSSR, „Interlinguistik in der UdSSR", 20 Min.
    c) Sprachproben von 12 verschiedenen Sprechern in Esperanto (Ossete [UdSSR], Pole, Tscheche, Bulgare, Kroate, Ungar, Finne, Franzose, Engländer [typisch englischer Akzent], Engländer [ohne englischen Akzent], Däne, Schwede), 10 Min.
11. Lieder und Chansons in Esperanto (politische Lieder, lyrische und satirische Chansons über Themen der Esperanto-Bewegung). Auch zu diesem Band wird ein Textmaterial geliefert.

12. Vortrag von Prof. Dr. Georg F. Meier, Professor für Kommunikationswissenschaft an der Humboldt-Universität Berlin, Chefredakteur der „Zeitschrift für Phonetik, Sprachwissenschaft und Kommunikationsforschung“: Aspekte der internationalen sprachlichen Kommunikation“. Der Vortrag wurde auf der 11. Tagung des Zentralen Arbeitskreises Esperanto am 12. 6. 1980 in Magdeburg gehalten.

13. a) Um den Vortrag 12. vollständig kopieren zu können, muß eine zweite Kassette (60 Min.) eingesandt werden. Außer Teil II des Vortrages von Prof. Meier enthält sie
    b) Dr. Renato Corsetti „Sprachpolitik der Entwicklungsländer“ (Lingva-politiko de evolulandoj), 30 min. Vortrag, gehalten auf dem internationalen Seminar „Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado“ vom 18. — 24. Nov. 1979 in Bad Saarow.

14. Dr. D. Blanke: „Gesellschaftspolitische Aspekte des Esperanto und seiner Sprecher“. Vortrag auf der III. Esperantologischen Konferenz im Rahmen des 65. Esperanto-Weltkongresses 1980 in Stockholm. 30 Min. Vortrag, 30 Min. Diskussion.

15. Marinko Givoje, Jugoslawien, „Soziologische Analysen zur Struktur der gegenwärtigen Esperanto-Bewegung“. Vortrag auf der III. Esperantologischen Konferenz im Rahmen des 65. Esperanto-Weltkongresses 1980 in Stockholm.

16. Dr. Jaromir Jermař, ČSSR (Präsident des Tschechischen Esperanto-Verbandes): „Nationalsprache — Nationalkultur. Internationale Sprache — internationale Kultur“. Vortrag auf der III. Esperantologischen Konferenz im Rahmen des 65. Esperanto-Weltkongresses 1980 in Stockholm.

17. 65. Esperanto-Weltkongreß. Teile der feierlichen Eröffnung und der Abschlußveranstaltung, inkl. der Ansprache des Kulturattachés der DDR in Esperanto.

18. Beiträge der ausländischen Delegierten auf der III. Zentralen Konferenz der Esperantisten im Kulturbund der DDR (22. — 24. 5. 1981 in Karl-Marx-Stadt). Es sprechen Vladimir Samodai (UdSSR), Violin Oljanov (Bulgarien), Dr. Renato Corsetti (Italien, Vizepräsident der UEA), Anna Brennan (Großbritannien, UEA-Büro Rotterdam), Vlastimil Kočvara (ČSSR-ČSR), Eduard Tvarožek (ČSSR-SSR), Dr. Árpád Mathé (Ungarn), Lech Koženiak (Polen), Dr. Liviu Podariu (Rumänien). ca. 50 Min.

19. III. Zentrale Konferenz 1981, Diskussion im Plenum. (deutschsprachig)
    Band 1: Ansprachen von Prof. Dr. E. Steiger, Vizepräsident des Kulturbundes der DDR; Dr. Hans Uhlig (in Esperanto!), Vorsitzender der Bezirksleitung des KB Karl-Marx-Stadt; Hanna Scheffs, Vors. des Bezirksvorstandes Potsdam (über internationalistische Arbeit); Rolf Bethke, Vors. des Kreisvorstandes Karl-Marx-Stadt (über internationalistische Arbeit); Werner Plate, Vors. des Bezirksvorstandes Rostock (über Grundfragen unserer Arbeit); Elke Valtin, Mitglied der Jugendkommission (über Jugendarbeit, 1. Teil). 60 Min.

20. III. Zentrale Konferenz 1981, Diskussion im Plenum.
    Band 2: Elke Valtin (Fortsetzung von Programm 19); Dr. Till Dahlenburg, Leiter der Fachgruppe Methodik (über Esperanto-Unterricht und andere Fragen unserer Arbeit); Dr. Gerhard Mertink, Stellvertreter des Ersten Bundessekretärs (Schlußwort zum Sonnabendvormittag); Erika Piatkowiak, Vors. des Kreisvorstandes Freiberg (über die Arbeit einer Gruppe); Prof. Dr. Georg F. Meier, Humboldt-Universität Berlin, Sprachwissenschaftler (über Esperanto und die Sprachwissenschaft, Teil 1). 60 Min.

21. III. Zentrale Konferenz 1981, Diskussion im Plenum.
    Band 3: Prof. Dr. Georg F. Meier (Fortsetzung von Proramm 20); Michael Behr, Vors. des Bezirksvorstandes Leipzig (über Ausstrahlung im Territorium); Horst Theurich, Mitglied der Fachgruppe Eisenbahner (zur Arbeit der Eisenbahner-Esperantisten); Bericht der Arbeitsgruppe „Wissenschaft und Technik“ (Linde Knöschke); Bericht der Arbeitsgruppe „Gruppenarbeit“ (Werner Pfennig); Bericht der Arbeitsgruppe „Qualifizierung und Kader“ (Jürgen Hamann); Bericht der Arbeitsgruppe „Unterricht“ (Dr. Till Dahlenburg); Dr. Detlev Blanke (Begründung der neuen Leitsätze, Teil 1). 60 Min.

22. III. Zentrale Konferenz 1981. Diskussion im Plenum.
    Band 4: Dr. Detlev Blanke (Begründung der Leitsätze, Fortsetzung von Programm 21); Hans Heinel (Begründung der politischen Erklärung); Hans Heinel, Vorsitzender des Esperanto-Verbandes (Abschlußansprache). 40 Min.

23. III. Zentrale Konferenz 1981, Vladimir Samodaj (UdSSR): Esperanto als literarisches Mittel. 40 Min. (in Esperanto)

24. III. Zentrale Konferenz 1981, Violin Oljanov (Bulgarien): Bulgarische Arbeiter-Esperantisten im Kampf um freies Bulgarien. 30 Min.

25. III. Zentrale Konferenz 1981, Dr. Renato Corsetti: UNESCO und UEA. 30 Min. Vortrag + 20 Min. Diskussion.

26. „Marie Curie“: Monodrama, zusammengestellt und vorgeführt von Jadwiga Gibzýnska, Berufsschauspielerin, VR Polen. 45 Min.
27. Ivo Rotkviĉ, Jugoslawien. Übersetzung eines Kunstwerks. Utopie? Vortrag im Rahmen der Internationalen Sommeruniversität 1958 (Mainz). 45 Min.
28. Dr. Detlev Blanke: Konfrontativer Vergleich der Wortbildung des Esperanto und der deutschen Sprache. Vortrag im Rahmen der Internationalen Sommeruniversität 1977 (Reykjavik, Island). 45 Min.
29. Chansons in Esperanto
30. Lieder und Arien in Esperanto
31. „Der Mensch und die Computer“
   a) Prof. Dr. Bruce A. Sherwood, USA: Synthese von Esperanto. Rede durch den Computer.
   b) Prof. Dr. Helmar Frank, BRD: Plansprachliches Dokumentationssystem PREDIS
   c) Ing. Otto Kat, Niederlande: Textübersetzung in Esperanto.
   d) Ing. Antal Münnich, Ungarn: Die Programmiersprachen und Intersprachen.

Außer Nr. 5, 12, 13a, 19, 20, 21, 22 sind alle Vorträge in Esperanto.

## Bedingungen

1. Der Tonbanddienst steht **nur Mitgliedern des Kulturbundes** der DDR zur Verfügung und **ist nicht für das Ausland bestimmt.**
2. Jede Gruppe bzw. jedes Mitglied des Kulturbundes kann den Tonbanddienst für individuelle oder kollektive Zwecke (Abspielen in Gruppen) benutzen.
3. Ein Überspielen der gewünschten Programme erfolgt grundsätzlich nur, wenn an den Leiter des Tonbanddienstes, Herrn Klaus-Dieter Dungert, 3027 Magdeburg, Albin-Brandes-Str. 3, von Interessenten unbesielte Kassetten (60 Minuten, nur verschraubte Kassetten) per Einschreiben eingesandt werden. Die Kassetten werden überspielt und per Einschreiben an den Besteller zurückgesandt.
4. Für auftretende Schäden beim Überspielen der Programme auf die Kassette des Bestellers (z. B. „Bandsalat“) kommt der Besteller auf. Die beschädigte Kassette wird an den Besteller zurückgesandt, damit dieser sie in seinem Fachgeschäft umtauschen kann.
5. Damit der Tonbanddienst ständig erweitert werden kann und zur Begleichung der Postausgaben wird für das Überspielen pro Kassette eine Gebühr erhoben, die **gleichzeitig mit dem Versand der Kassette** per Postanweisung an Herrn Dungert zu überweisen ist.
6. Die Gebühr beträgt für das Überspielen einer 60-Minuten-Kassette M 7,—. Die Benutzung einer 90-Minuten-Kassette ist nicht möglich.
7. Es werden in der Regel nur vollständige Kassettenprogramme kopiert. Sollte der Besteller nur an einem Programm interessiert sein (falls z. B. zwei Programme auf einer Kassette registriert sind), so wird dennoch die volle Kopiergebühr für die gesamte Kassette erhoben.
   Das Überspielen auf Spulenbänder kann aus technischen Gründen nicht erfolgen.

---

## Aktiveco de paca sekcio de ĈEA

La libro pri Hiroŝima—Nagasaki. Spertoj el ĈSSR

Nia paca sekcio streĉas forton, kiel eble plej multe helpi en la batalo por forigi nukleajn armilojn. En tiu klopodo tre helpis al ni japanaj pacamikoj, kiuj donace sendis al ni fotoalbumojn „Hiroŝima — Nagasaki“, bilda dokumento pri la atombombado. Tiu donaco instigis nin, sendi al ĉiuj rondetoj alvokan leteron, ke ili organizu inter esperantistoj prelegojn pri la nuklea danĝero kaj ke ili uzu la libron kiel dokumenton de teruraj postsekvoj. Paroladoj estis organizitaj ne nur inter esperantistoj, sed la albumoj estis pruntitaj al diversaj societaj organizaĵoj, kie diskutoj havis tre bonan rezulton. Gis hodiaŭ jam estis organizitaj prelegoj en 56 lokoj de Ĉeĥoslovakio kaj konstante venas postuloj pri la prunto de tiu ĉi unika libro. Laŭdinda fakto estas, ke la rondetoj en Třebič preparis enkondukan skriban prelegon por ĉiuj. De plua rondeto estis la prelego surbendigita. Aliaj aktivuloj preparis diapozitivojn, kiuj vagas kun la libro. Alia rondeto preparis mallongan filmon pri diskuto, kiun instigis trarigardo de la bildoj. Kelkaj kluboj sukcesis pri prelego publiki artikolojn en tagaj gazetoj. Unu aktivulo fondis kronikon de eldiroj, kie ĉiu trarigardanto povas skribi sian impreson pri la libro. La libro estis ankaŭ uzita por instruado en alta lernejo en studobjekto „radioaktiveco“. Ni kredas, ke pluaj rondetoj ankaŭ disvolvos novajn metodojn kaj manierojn por la plej efika eluzo de la bilda dokumento. Mi volas esprimi sinceran dankon al la japanaj pacamikoj, kiuj donis per la eldono de libro decidan paŝon. . .

El „Paco“, eldono de ĈEA 1981
Drahomir Kočvara

Postrimarko de la redakcio:

Jen, vere tre imitinda aktivado de la ĉeĥaj pacamikoj. Ĉu ne ankaŭ en GDR estus fareblaj similaj aktivecoj? Ni bezonus spertan fotoamatoron, kiu produktus diapozitivan serion, alia povus kompili prelego-materialon ktp. GDREA volonte disponigus la libron por similaj aktivecoj.

## Denove pri metodiko

Estas iom nekutime represi reagon al artikolo aperinta antaŭ jam 4 jaroj. Sed — „eĉ tio okazas — la manuskripto perdiĝis kaj nur lastatempe retroviĝis inter manuskriptaj montoj. Inter alie tre bonvena por publikigo estas la rekta rilato de la respondo de d-ro Setälä al la raporto de Zlatnar Tišljar sur paĝoj 52—54 „der esperantist" n-ro 107 (3/81).

La reago de d-ro Vilho Setälä koncernas la artikolon de Violin Oljanov en „der esperantist" 6/1978:

„La aperinta artikolo evidente montras, ke la aŭtoro miskomprenis mian kritikon pri la elekto de unue instruotaj vortoj. Bedaŭrinde esperantistoj malmulton scias pri la fako. Mi povas ĉi tie nur aludi al la verko de George Kingsey ZIPF, la fondinto de „dinamika filologio". La titolo estas „The psycho-biology of language". Sed ankaŭ esperantaj fontoj ekzistas: 1) mia artikolo „Lingva esprimkapablo kiel funkcio de la vorttrezoro", en ESPERANTOLOGIO n-ro 1, 1949, redaktita de Paul Neergaard, presitą en Kopenhago, aŭg. 1949. 2) Ankaŭ la plej nova dokumento de la Akademio de Esperanto estas utila fonto. La „baza radikaro" ja estas dividita laŭ frekvenco.

Mi referas mallonge la bazan teorion. En ĉiu lingvo estas eble grupigi la vortojn en grupoj, komencante per la plej ofte aperantaj (en la koncerna al grupoj lingvo), kiel unua grupo, poste laŭ ordo de malkreskanta frekvenco, dua, tria k. t. p. Komparante tiujn grupojn kun samlingva literaturo oni facile atingas scion pri tio, kiel multajn grupojn (kiel multajn vortojn) oni devas koni por atingi tian konon de la lingvo, ke el ordinara teksto maksimume 10 % restas nekonataj. Montriĝis, ke ĉe posedo de tiuj vortoj oni povas jam kontentige kompreni ordinaran tekston, ĉar la nekonataj vortoj estas ordinare diveneblaj el la kunteksto. Tian bazan vorttrezoron posedas ĉiu lingvo. Parto el ili estas komunaj al pluraj lingvoj. Sed lernante novan lingvon oni devas, por sekvi la plej facilan kaj efikan vojon, lerni ĝuste tiun aluditan vorttrezoron de la lernota lingvo, kaj ne de la lingvo propra. En Esperanto ĝi konsistas el ĉ. 800 vortoj (kaj vortelementoj). Kiel Oljanov diras, tiu baza vorttrezoro estas malsama laŭ la lernota lingvo. Sed se oni eliras el la baza trezoro de sia propra lingvo,oni ekiras malĝustan vojon."

---

### La komputilo por lingvoinstruado

EN Jugoslavio Jim CUSHING kaj Z. TIŠLJAR verkis programaron por frekvenc-analizi Esperantajn tekstojn. Per tiu estis analizita parola materialo, surbendigita dum UK en Luzern por ricevi frekvenc-vortaron. La ĉefaj konstatoj de la esplorado estas:

1. Esperantistoj en ĉiuj siaj kongresaj paroloj uzis entute 1370 morfemojn.
2. El tiuj 1370 morfemoj la unaj 300 plej oftaj konsistigas 90 procentojn de la tuta parolita materialo (95 procentojn konsistigas 470 morfemoj).
3. Inter la 470 plej oftaj (kaj sekve plej gravaj) ne troviĝas ĉirkaŭ 1/3 de la gramatikaj morfemoj.
4. Inter la 470 plej oftaj morfemoj troviĝas 82 gramatikaj morfemoj (finajoj, afiksoj, korelativajoj) kaj 68 internaciaj radikoj, kiuj estas per si mem (sen lerno) kompreneblaj al ĉiuj eŭropanoj, do restas nur 320 vortradikoj, kiujn la lernanto devas alproprigi.

Surbaze de tiuj konstatoj estis faritaj multaj interesaj konkludoj, el kiuj la baza estas: en la **unua** fazo de lingvo — instruado necesas okupiĝi per praktikado de tiu minimuma, sed por ĉiutagaj bezonoj sufiĉa Esperanto.

Internacia Kultura Servo en Zagreb jam eldonis lernolibron, bazitan sur la konkludoj de la perkomputila frekvenc-analizo. La materialoj (lernolibro, instrukcioj por instruistoj, elementa frekvenc-vortaro) estas mendeblaj ĉe IKS/YU-41000 ZAGREB, Amruševa 5/. (El „Budapešta Informilo 9/81)

# Zeitschriftenangebot

In der DDR können folgende Esperanto-Zeitschriften abonniert werden:

**1. Beim Zentralvorstand des Esperanto-Verbandes**

- **Budapeŝta Informilo,** Organ des Ungarischen Esperanto-Verbandes, 12 Hefte, A 5, à 30 S., außerordentlich informationsreich, vor allem zur internationalen Anwendung des Esperanto in Bereichen der Kultur und der Wissenschaft und Technik, Preis M 10,—
- **Starto,** Organ des Tschechischen Esperanto-Verbandes, 6 Hefte, A 5, à 30 S., Preis M 8,—
- **Bulgara Esperantisto,** Organ des Bulgarischen Esperanto-Verbandes, 12 Hefte, A 5, à 26 S., Preis M 15,—
- **Esperantisto Slovaka,** Organ des Verbandes Slowakischer Esperantisten, 12 Hefte, A 4, à 8 S., Preis M 5,—
- **Scienca Mondo,** Esperanto-Ausgabe der bekannten Zeitschrift „Wissenschaftliche Welt", Organ der internationalen Föderation der Wissenschaftler (mit zahlreichen wissenschaftlichen und wissenschaftspolitischen Beiträgen), 4 Hefte, A 4, à 30 S., Preis M 10,—

**2. Bei der Post können abonniert werden**

- **Paco,** Organ der Weltfriedens-Esperantisten-Bewegung, 6 Hefte, A 4, à 16 S., Preis M 30,—. 1982 werden Abonnements für 1983 angenommen. Bestellungen sind zu richten an: Post- und Fernmeldeamt Falkenberg, Zentralvertrieb d. PZV, 7900 Falkenberg, Uebigauer Str. 4
- **Juna Amiko,** Zeitschrift für Jugendliche, herausgegeben vom Ungarischen Esperanto-Verband, 3 Hefte, A 5, à 24 S., Preis M 12,—. 1982 werden Abonnements für 1983 angenommen. Bestellungen sind zu richten an: Post- und Fernmeldeamt Falkenberg, Zentralvertrieb d. PZV, 7900 Falkenberg, Uebigauer Str. 4
- **Pola Esperantisto,** Zeitschrift des Polnischen Esperanto-Verbandes, 4 Hefte, A 4, à 16 S. (erscheint seit Jahren sehr unregelmäßig). Bestellungen sind zu richten an: Zeitungsvertriebsamt, 1004 Berlin, Straße der Pariser Kommune 3—4. Index-Nr. 36885. Ca. M 12,—
- **Homo kaj Kosmo,** populärwissenschaftliche astronomische Zeitschrift aus Jugoslawien, 4 Hefte, A 5, à 30 S., Preis ca. M 12.—. Bestellungen sind zu richten an: Zeitungsvertriebsamt, 1004 Berlin, Str. d. Pariser Kommune, 3—4. Index-Nr. 99149
- **Hungara Vivo,** Kulturzeitschrift des Ungarischen Esperanto-Verbandes, die vielseitigste und interessanteste Kulturzeitschrift der zeitgenössischen Esperanto-Bewegung, 6 Hefte, A 4, à 40 S., Preis M 12,—. Bestellungen nimmt jedes Postamt entgegen. Index-Nr. 200 824
- **der esperantist,** Organ des Esperanto-Verbandes im Kulturbund der DDR, 6 Hefte, A 5, à 24 S., Preis M 1,80. Bestellungen nimmt jedes Postamt entgegen. Index-Nr. 7928

---

## Optimala ortografio por „Pankow" en „Orienta Germanio"

Estas strange, ke lastatempe iom abundas provoj altrudi al la esperantistoj la nepre venko-certigan ortografion de ilia lingvo. Car, tiel razklingoakre asertas ties aŭtoroj, nur la malbenitaj ĉapelitaj literoj de Esperanto ĝis nun malebligis ties venkon. Kion diri pri tiu „sagaca rezonado"?

Unu el la plej aktivaj kaj, cetere ankaŭ, plej altrudemaj aŭtoroj estas la „optimaligita" Albert Lienhardt el Mulhouse/Francio. Ne nur, ke li verkis sufiĉe dikan libron pri la „optimala ortografio de la internacia lingvo Esperanto (li ŝajne kiel sola scias, kio estas „optimala" en lingvo, lingvistoj mem estas pli modestaj), li ankaŭ volas „optimaligi" tute senkulpajn nacilingvajn registarojn, inter alie tiun en „Orienta Germanio" kun la ĉefurbo „Pankow", kie laŭ li devus sidi la prezidento de GDR. Se oni ankoraŭ komprenas, ke sub „Orienta Germanio" li supozeble celas la ĝenerale konatan ŝtaton „Germana Demokratia Respubliko", ne estas klare, kial li inventis novan ĉefurbon. Sed verŝajne la ankoraŭ ne optimala Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto (komparu paĝon 341) sugestis al li, ke ĝuste tio estas la ĉefurbo de GDR. Nu — ne gravas. Pankow estas nur parto de Berlin, de la nuna ĉefurbo de GDR.

Do — la Ŝtatkonsilantaro de GDR ricevis tiun belan reformbroŝuron kaj, plej feliĉe, verŝajne nenion komprenante ĉion sendis al Kulturligo (GDREA), al la ĝusta adreso. (resto sur paĝo 37)



**Akademiano Gurgen Grigori Sevak plu ne estas kun ni**

La armena popolo havis unu el siaj plej grandaj perdoj. La 14an de septembro 1981 en sia 77a jaraĝo forpasis la membro de Akademio de Sciencoj de Armena SSR kaj de Akademio de Esperanto, doktoro de filologiaj sciencoj, merita sciencisto de Armena kaj Kartvela Socialismaj Sovetrespublikoj, profesoro Gurgen Grigori Sevak (Grigorjan).

Gurgen G. Sevak naskiĝis la 15an de aprilo 1904 en Tbilissi, en laborista familio. En la jaro 1924 li finis la fame konatan lernejon „Nersisjan" de Tbilissi kaj eniris la Erevanan Universitaton, kiun li finis en la jaro 1928. 1937 li kandidatiĝis kaj en la jaro 1949 — doktoriĝis. 1956 profesoro G. Sevak fariĝis koresponda membro de la Akademio de Sciencoj de Armena SSR, en la jaro 1971 — akademiano.

Traktante la sciencan agadon de prof. Sevak, ni povas diri, ke ĝi pasis laŭ scienc-esplora, scienc-pedagogia kaj scienc-organiza direktoj.

K-do Sevak estis unu el la plej famaj specialistoj pri la nuntempa armena lingvo. Li donis grandan kontribuon al teoriaj problemoj de la lingvoscienco, speciale pri la teorio de parolparto, kaj ankaŭ pri demandoj de la historio de la nuntempa armena lingvo, stilistiko, terminologio, parolkulturo kaj normigo de la literatura lingvo. 1932—1940 li estis scienca sekretario de la Ŝtata Terminologia Komitato, ekde 1969 — prezidanto de la Scienc-teknika Terminologia Konsilio ĉe prezidantaro de Akademio de Sciencoj de Armena SSR. Grandan famon havas la ĝis nun uzata lernolibro „Sintakso de la armena lingvo", per kio lernis kaj lernas multaj generacioj de armenaj gelernantoj.

Estante sciencisto kun diversflankaj interesoj prof. Sevak okupiĝis ankaŭ pri la teorio de tradukarto kaj mem tradukis. Al liaj penoj apartenas la plej frua traduko de „Eugeno Onegin" de A. S. Puŝkin el la rusa lingvo.

Li estas vaste konata kaj ŝatata en la respublikoj Armena kaj Kartvela. En la jaro 1961 li fariĝis merita sciencisto de Armena SSR, 1967 — Kartvela.

Prof. G. Sevak jam frue trovis la vojon al Esperanto kaj lernis la lingvon 1921 (1981 esperantistaro de Armenio solene festis la 60jariĝon de lia esperantistiĝo).

Membro de la Lingva Komitato de Esperanto (la posta Akademio) li elektiĝis 1932. Kune kun la progresemaj esperantistoj-verkistoj Nekrasov, Kuzeniĉ kaj la germana Ludwig Renn Gurken Sevak fondis 1932 la Internacian Asocion de Esperantistaj Revoluciaj Verkistoj. Ekde 1922 li multan laboron faris por prezenti la armenan klasikan literturon en Esperanto. Li verkis Esperanto-lernolibron por armenoj en 1930.

Li estis granda propagandisto de Esperanto en Armenio, kaj preskaŭ ĉiuj atingoj en la respubliko estas ligitaj kun lia nomo. Multaj jaroj prof. Sevak estis delegito de UEA kaj prezidanto de Armena Esperanto-Komisiono. 1979 li elektiĝis membro de la estraro de ASE kaj prezidanto de la Armena Filio de ASE.

## Mispaŝo kaj ties korekto

Jam kelkfoje aperis artikoloj pri Esperanto en la organo de la Centra Estraro de la Asocio de Ĵurnalistoj de GDR „Neue Deutsche Presse" (nova germana gazetaro). Tio estas ege pozitiva fenomeno, ĉar ĝuste tiu revuo, aperanta monate, kunformas la opinion de la ĵurnalistoj kaj gazetredaktoroj de GDR. Do tiu organo havas rekte multiplikigan efikon. Pro tio estis tre bonvena la fakto, ke ĝi publikigis en n-ro 12 (1980, p. 28) duonpaĝan artikolon de D. Blanke sub la titolo „Kongreso sen tradukistoj — modelo de la estonteco?" En tiu artikolo Blanke raportas pri la 65a UK en Stokholmo. La redakcio opiniis, ke ĝi devas esti „objektiva kaj ankaŭ raportis pri alia plan-„lingvo". Ĝi tial aldonis, sen scio de Blanke, mallongigitan version de artikolo pri „Interlingua" de iu S. Borovka (ĈSSR). Temas pri artikolo kiu aperis antaŭ kelkaj jaroj en „Volksstimme" de Magdeburg. Evidente nur ĝin la redakcio havis en sia tirkesto kaj ne la tiam aperintan pli longan refuton de D. Blanke. Kompreneble CLE tuj afable reagis klarigante per faktoj kaj sciencaj argumentoj al la redakcio la mispaŝon. Rezulto de tiu estas dupaĝa intervjuo kiun faris la redaktoro Gerhard Schröter kun d-ro Blanke sub la titolo „Esperanto — en la praktiko funkcianta planlingvo". Du ilustraĵoj (saluto de Ludwig Renn al la legantoj de „Popola Fronto" kaj kliŝo pri „Völkerspiegel") donas specifan indikon pri la laboristmovadaj tradicioj de la Esperanto-movado de GDR.

La kajeron kun la intervjuo ricevis ĉiu delegito de la IIIa Centra Konferenco de la Esperantistoj. La fakto, ke la menciita grava revuo korektis sian mispaŝon donante pli ol abunde spacon al sobra prezento de Esperanto, montras tute klare, ke la esperantistoj de GDR per sia konkreta agado atingis certan reputacion, kiu ne plu permesas, ke aperas absurdaĵoj pri Esperanto aŭ pri la planlingva problemo entute.

Cetere, esperantistoj en GDR, kapablaj verki artikolojn pri Esperanto aŭ pri konkreta esperantista agado en sia regiono ne hezitu oferti al la subdistrikta, distrikta aŭ respublika gazetaro artikolojn. Oni povas nepre kalkuli pri certa informiteco de la redaktoroj, ĝuste pro la artikoloj pri Esperanto aperintaj en „Neue Deutsche Presse", inter kiuj la plej longan ni dankas al — Interlingua. Ambaŭ menciitaj numeroj estas haveblaj ĉe EAKL.

---

### En la fakjurnalo de fremdlingvo-instruistoj

„Fremdsprachenunterricht" (instruado de fremdaj lingvoj) nomiĝas la pedagogia-metodika fakorgano de la instruistoj por fremdaj lingvoj en la lernejoj de GDR. En ĝi aperadas antaŭ ĉio metodikaj kontribuoj pri la lingvoj en GDR pleje instruataj: la rusa, angla kaj franca. Estas atentinda fakto, ke nur 1981 aperis 4 ampleksetaj informoj pri Esperanto. En n-ro 4: pri la 2a interlingvistika seminario; n-ro 10: pri la IIIa Centra Konferenco en Karl-Marx-Stadt; n-ro 12: informo pri AEST 81 en Žilina kaj raporteto de Till Dahlenburg pri la IVa Kongreso de ILEI en Gödöllö.

---

(resto de paĝo 34)

Li gvidis multajn kursojn kaj rondojn en Erevano kaj prelegis pri Esperanto. Kiel membro de la Sovetunia Esperanto-Komisiono li ofte reprezentis sovetajn esperantistojn en eksterlando. Li partoprenis diversajn Universalajn Kongresojn kaj Konsultiĝojn de Esperanto-Asocioj de socialismaj landoj.

La memoro de granda sciencisto, esperantisto, bonkora homo por ĉiam restos en niaj koroj. Armena Filio de ASE

## Grava perdo:
## Forpasis Hella Sauerbrey



Neimageble, ŝi ne plu estas inter ni. Tiu modesta, korvarma kaj celkonscie laborinta virino, kiu per sia multflanka agado, siaj fakspertaj kaj celtrafaj kontribuoj rapide akiris ŝaton kaj estimon. Hella Sauerbrey 1980 festis sian 60an naskiĝtagon kaj forlasis nin post peza malsaniĝo, la 29an de decembro 1981. Ŝi estis dum multaj jaroj membro de la iama Centra Laborrondo, elektiĝis en la Centran Estraron de GDREA kaj krome kunlaboris en la Distrikta Estraro de la Asocio en Berlin. Gravajn meritojn Hella Sauerbrey akiris instruante la lingvon en popola altlernejo de Berlin kaj kunlaborante en la Metodika Komisiono ĉe la Centra Estraro. Internacie ŝi antaŭ ĉio konatiĝis per sia vasta recenzlaboro. Multajn vjetnamajn titolojn ŝi prezentis al la legantoj kaj eĉ tradukis germanen vjetnaman novelon, kiu estis disaŭdigita kiel radioscenaĵo.

Por la Asocio la forpaso de Hella Sauerbrey estis surpriza kaj forta frapo. Ni tenos ŝian memeron hela. Sube ni prezentas ŝiajn lastajn recenzojn.

---

### Ek! lernemuloj kaj komencantoj, amuziĝu lernante!

Hungara Esperanto-Asocio proponas al vi la libron „Amuzaj Dialogoj en Esperanto", verkita de Albert Lienhardt kaj ilustrita de Arfoll.[1])
La dudek dialogoj, gradigitaj laŭ longeco kaj facileco, prezentas taŭgajn ĉiutagajn temojn „por faciligi al novuloj lerni paroli la internacian lingvon". Kelkfoje pli amuzaj ol la dialogoj mem estas la 20 enkondukaj ilustraĵoj per kiuj ili komenciĝas. La klariga antaŭparolo peras detalajn konsilojn por aŭtodidaktoj kaj kursgvidantoj pri la praktika uzo de la dialogoj, kiuj estas laŭvice kompletigataj per 850 didaktikaj demandoj kaj respondoj. Do — entute facile uzebla helpilo por komencantoj kun facile kompreneblaj senpretendaj tekstoj. Participoj estas evitataj kaj kunmetitaj vortoj jene apartigataj: longa-tempe, bon-volu, ver-ŝajne . . . k. t. p.
Kiel interparolantoj prezentiĝas geedzoj, kolegoj, gejunuloj, knaboj, lernantoj, paciento kun kuracisto, kliento kun frizisto, gefianĉoj k. t. p.
Kaj la traktataj temoj? Mi dubas, ke ili kontentigas ĉies gusto, ekz. lernejkamaradoj elpensas „Ŝercon" al la helpinstruisto, dialogo inter patro kaj filo pri la neceso de motorciklo, interparolo pri politika arto k. a. Tamen oni povas atendi, ke tiu distra paroliga metodo trovos siajn ŝatantojn, tiom pli, ke stilo kaj lingvo estas senriproĉaj kaj la nomoj de la respondecaj eldonanto kaj redaktoro, Tibor Vasko kaj Vilmos Benczik inkluzivas certan kvaliton.

Hella Sauerbrey †

[1]) Mendu ĉe Haus der Ungarischen Kultur Berlin

### Ho Chi Minh

La Fremdlingva Eldonejo en Hanojo „Ruĝa Rivero" prezentas al ni 128-paĝan broŝuron „Ho Chi Minh".[1])
Ĉiu pli aŭ malpli klera homo, ĉu Vjetnamo aŭ ne, komunisto aŭ ne, scias ion pri la unika personeco de tiu nacia heroo. Oni ofte legis jam pri li. Sed tiu broŝuro enhavas 23 versaĵojn kaj 9 ĉapitrojn de prozo el la plumo de Ho Chi Minh mem, tradukitaj de la al ni jam bone konata Dao Anh Kha kaj Nguyen Minh Kinh kaj Dang Dinh Dam. La versaĵoj, traktantaj naturon, mizeron kaj batalon, laŭ ritmo, rimoj, sono ne ĉiam senteblas kiel „versaĵoj". Ili datumas el la kvardekaj jaroj, la prozo el la dudekaj. Temas unuavice pri historiaj faktoj el sufer- kaj batalplenaj jaroj, kiuj lumigas la fifamajn agojn de la francaj koloniistoj kaj de la usonaj imperiistoj. Ne mankas rimarkindaj atentigoj, ekz. „Ekzistas nur du rasoj en la universo, tiu de ekspluatantoj kaj tiu de ekspluatatoj".
Aparte menciindaj estas la du lastaj ĉapitroj „Deklaracio pri sendependeco

de Vjetnama Demokratia Respubliko“ voĉlegata la 2an de septembro 1945 de Prezidanto Ho Chi Minh dum mitingo de duon-miliono da personoj en Hanojo, kaj „Testamento“ el la jaro 1969 kun konsiloj kaj profetaj eldiroj, koncernantaj la Partion kaj la estontecon de VDR.

„Se unuanimos
ni en aro kanta,
ja sukcesi finos
tia verko granda“.

Hella Sauerbrey †

[1]) Hô Chi Minh: Versaĵoj kaj prozo. Fremdlingva eldonejo Ruĝa Rivero. Hanojo 1980. (Havebla ĉe GDREA, 2,— M)

## El Litovio

Horizonto de Soveta Litovio, ofsetreproduktita periodaĵo en formato 28,7 × 19,7 cm, kvina kajero 1980, eldonita de Litova Filio de Asocio de Sovetiaj Esperantistoj.

Enhavas diverstemajn artikolojn de litoviaj aŭtoroj, tradukitaj en Esperanto, triono estas originalaj kontribuoj.

La sekvo de kajeroj „Horizonto de Soveta Litovio“ celas informi pri litovia beletro, kultura vivo kaj Esperanto-agado. Analoge riĉkolora estas ĝia enhavo.

Enkondukas kontribuo dediĉita al la kvardekjara jubileo de Soveta Litovio (1940 — 1980). Dum tiu-ĉi tempo la industria produktado pligrandiĝis 54 foje, estiĝis 350 novaj uzinoj, estis kreitaj novaj branĉoj de moderna industrio i. a. ŝipkonstruado, elektronika kaj kemia industrioj. Pligrandigis la loĝantaro de urboj 2,5 foje, evoluis mekanikita agrara produktado. Ekfloris kulturo kaj klereco (dum burĝa regado estis 4000 studentoj, nun 65 000). Por 3,4 miliona popolo funkcias 11 ŝtataj teatroj, 37 muzeoj, 6500 bibliotekoj, 140 kulturpalacoj. Ĉiu deka loĝanto partoprenas en amatora arta agado, kiu kulminas en grandiozaj tradiciaj festoj de danco kaj kanto en la tuta lando.

La artikolo „Lenin kaj Litovio“ traktas la ligiĝon de Lenin kun la litova proletaro kaj la finan aliĝon de la litova popolo al la familio de sovetuniaj nacioj.

En 1918 estiĝis la unua Litova Socialisma Respubliko, tiam sukcesis al la imperialisma kaj al la loka burĝaro sufoki la junan sovetrespublikon. Vincas Kapsukas estis ĝia prezidanto, al li estis dediĉita plua kontribuo.

La kajero krome informas pri „trajtoj de la litova lingvo“ (komparo kun Sanskrit kaj slavaj lingvoj) kaj la „litova lingvo eksterlande“. La litova beletro estas reprezentata per prozaj kaj lirikaj ekzemploj kaj per kontribuo pri eldono de litova literaturo en aliaj landoj kaj pri la teatra vivo. Pri la tradicia festo de danco kaj kanto en la jaro 1980 (okaze de la datreveno de renaskiĝo de soveta sociordo en Litovio) oni ekscias imponajn ciferojn. En la ĉefurbon venis 36 000 amatoroj de arta agado, dum tri tagoj ili plenumis muzik-, ĥor- kaj dancprezentadojn en multkoloraj naciaj kostumoj.

Resume „Horizonto de Soveta Litovio“ respegulas interesige parton de nuntempa socia vivo en Litovio.

Rudolf Hahlbohm

## Pri meteoritoj

La observatorio Pulsnitz en la distrikto Dresden eldonis priskribon de meteoritaj krateroj sur la surfaco de la tero. Internacie en la koncernaj fakrondoj trovis precipe viglan intereson la katalogo pri 230 meteoritaj krateroj (Katalog von 230 Meteoritenkratern). Ĝi aperis en kelkaj fremdaj lingvoj kaj ankaŭ kiel esperantlingva traduko kiel broŝuro n-ro 12 de la observatorio Pulsnitz sub la titolo: „Katalogo pri 230 meteoritaj krateroj, inklusive de 78 dubaj objektoj“.

Tiu eldono trovis bonan akcepton. Jam post mallonga tempo ĝi estis elĉerpita. La observatorio Pulsnitz pro tio decidis aldoni resumojn en Esperanto en estontaj publicaĵoj al la ĝis nun uzitaj naciaj lingvoj.

Jus la observatorio Pulsnitz aperigis la broŝuron n-ro 18, „Formähnlichkeiten bei astronomischen Objekten“ (Formsimilecoj ĉe astronomiaj objektoj), kiu enhavas unuafoje tian esperantlingvan resumon. Sendube tia apliko kaj disvastigo per seriozaj sciencaj kaj fakaj eldonaĵoj estas taŭga rimedo por evoluigi Esperanton en la koncernaj sektoroj. Samtempe tia praktiko pruvas la valoron de Esperanto por la sciencteknika informado.

Erich Würker

---

(resto de paĝo 33)

Oni devas serioze dubi pri s-ro Lienhardt, des pli, ĉar finfine tiu „optimala Esperanto“ ankaŭ ricevis novan nomon, „UNAL“ (Universala Neŭtrala Aŭxilia Lingvo). Kaj ĉar la ŝtatestroj ja ĉiuj en la nuntempa mondo jam longe estas profunde konvinkitaj, ke oni devas rapide solvi la mondan lingvo-problemon pere de Esperanto, kial ne oferti al ili la plej perfektan version, nome Unal? Ili certe tuj komprenos kaj ekagos, ĉu ne?

P. L.

Wera Dehler

## 6 Tezoj pri terminologia laboro

**1) Terminologia laboro necesas**

La taŭgeco, la allogo kaj finfine la ĝenerala aprobo de Esperanto kiel internacia komprenilo dependas nepre ankaŭ de la evoluigo de la terminaroj por ĉiuj fakoj kaj sciencobranĉoj. Nura „natura evoluo" ne sufiĉus — ĝi garantius nek la unuecon de la faklingvo, nek la bezonatan rapidecon de ĝia elformiĝo

**2) Nur la fakuloj mem kapablas fari tiun ĉi laboron**

La necesan diskuton pri fakaj esprimoj kaj iliaj difinoj povas efektivigi nur la specialistoj de la koncernaj fakoj. Lingvistoj leksikologoj k. a. devus partopreni la laboron kiel konsilantoj, sed la iniciato devas eliri de la teknikistoj, medicinistoj, biologoj, ekonomikistoj k. t. p.

**3) La terminologia laboro devas esti organizata internacie kaj interfake**

Internacie, ĉar

— nacilingvaj terminoj ofte ne koincidas,
— akcepteblaj minimumdifinoj ofte nur eblos kiel kompromisoj,
— terminoj ellaboritaj nur sur nacia bazo poste povus iĝi fonto de malhelpaj miskomprenoj kaj absurdigi Esperanton kiel komprenilon.

Interfake, ĉar

— la limoj inter la fakoj kaj inter faka kaj ĝenerala vortotrezoro estas neprecizaj kaj apriora limigo apenaŭ eblas.

**4) Terminologia laboro postulas multe da tempo kaj pacienco**

Trorapido delogus al suprajeco. Serioza laboro sur terminologia kampo devas esti planata kaj realigata dum relative longaj periodoj. Tial okazu profunda kaj teritoria eble plej vasta diskuto helpe da slipoj.

**5) Tempo ne perdiĝu**

Esperanto, kiu sur beletra kampo jam atingis konsiderindan maturecon, estas subevoluinta rilate al scienco kaj tekniko. Konsidere al la daŭre kreskanta evolurapideco en scienco kaj tekniko ĉi tiu relativa malprogreso en la lingvo pligrandiĝas ĉiujare. Do, sur la speciala kampo de faka terminaro la tempo agadas kontraŭ ni.

**6) Racia labor-organizado necesas**

Por eviti tempoperdon kaj malŝparon de fortoj ni devas trovi organizajn formojn, kiuj unuflanke ebligas kreajn iniciativojn kaj fakspecifajn kunlaborvariantojn, sed aliflanke garantias la unuecon de la faklingvo kaj ebligas eviti pluroblan laboron.

(Wera Dehler estas vicprezidantino de la Medicina Fakrondo ĉe la Centra Estraro de Esperanto-Asocio en KL de GDR. Ŝi iniciatis la fondon de la Terminologia Sekcio [TeS] ĉe la Scienca kaj Eldona Centro de UEA en Budapest [SEC]. Interesuloj pri la temo bv. skribi al: Wera Dehler, 1140 Berlin, Otto-Nagel-Str. 110, PF 113-05, GDR.)

Wera Dehler

## Proponoj por terminologia laboro

**I-a ŝtupo**

(sur kiu povos aktivi ĉiu kolego, sendepende de sia faka kaj lingva kvalifiko):

**Notu ĉiun terminon,** kiun vi trovos en fakaj aŭ ĝeneralaj tekstoj kaj kiun vi trovos taŭga por **via** fako. Se eblas, aldonu la nacilingvan ekvivalenton kaj **nepre indiku la fonton** (libron, revuon, prelegon k. t. p.)!

Dum via **ĉiutaga laboro** laŭeble ofte provu traduki en Esperanton la uzitajn terminojn kaj notu viajn solvojn! Se vi ne povas kontentige traduki ilin, **notu la mankon!** (nacilingve).

Se vi preparas artikolon aŭ prelegon (originalan aŭ tradukitan) **listigu viajn terminojn** (novajn kunmetaĵojn aŭ neologismojn) kaj sendu duplikatojn al la centro! [1])

Tiu-ĉi kolekto de trovaĵoj mankoj kaj propraj proponoj havas valoron jam en si mem kaj povas esti bazo por la

**II-a ŝtupo:**

korespondado kun fakaj (subfakaj) kolegoj — plej bone alilandaj — kaj formado de **internaciaj subfakaj diskutrondoj.**

Tiel vi povos kompari viajn proponojn kun tiuj de viaj eksterlandaj kolegoj, kaj komune vi verŝajne trovos la fake kaj lingve plej konvenan solvon. Per interŝanĝo de opinioj vi ankaŭ povos verki la difinojn, kiu nepre necesas por serioza fakvortaro.

**III-a ŝtupo:**

verkado de slipoj laŭ la modelo de Rüdiger Eichholz, kiuj enhavu

— la anglan, germanan kaj francan tradukojn (kaj, laŭvole pluajn naciajn lingvojn — ekzemple vian propran!)
— la difinon en Esperanto
— la fontojn kaj vian signon.

Presitaj en la kadro de „Slipara Vortaro" tiuj slipoj ebligos pli vastan diskuton

inter esperantistoj-fakuloj, precizigon aŭ revizion.
Poste ili povos servi kiel bazo por la

**IV-a ŝtupo:**

eldonado de **libroformaj vortaroj** de laŭbezona amplekso, ĉu facile uzeblaj poŝvortaroj aŭ kompletaj tezaŭroj.

Tiel la laboro postulos pli da tempo kaj pli da penoj, sed la rezultoj estos pli seriozaj kaj garantios la unuecon de nia lingvo, ankaŭ sur faka kampo!

Kion vi opinias? Kion vi proponas?

Se vi interesiĝas pri terminologia laboro, skribu al: Terminologia Sekcio des SEC, pf. 193, H-1368 Budapest.

Wera Dehler

## Terminologia model-enketo (fako: psikoterapio)

Estimataj Kolegoj!

Por esplori la eblojn kaj la specialajn problemojn de intenacia terminologia agado ni lanĉas ĉi-tiun model-enketon.

Kiel unua paŝo estos kolektita limigita nombro da terminoj de severe limigita faka tereno el diversaj lingvaj regionoj, por ebligi komparon jam en la komenca fazo de la laboro.

Psikoterapio estis elektita, ĉar ĝi internaciskale ne havas precizan terminaron kaj tiu enhavas malmulte da greklatindevenaj terminoj, do terminologia laboro unuflanke estos pli libera ol en aliaj fakoj (de la medicino) — aliflanke la problemoj de ne-koincideco supozeble montriĝos pli evidentaj. Krome la du ĉefkolektantoj rilatas al la fako, kio plifaciligos la prilaboradon.

Se vi mem laboras kiel psikoterapiisto (aŭ alimaniere havas sufiĉe intimajn konojn pri la fako), vi estas petata plenumi jenajn taskojn:

1) Notu 10 — 30 terminojn el via ĉiutaga laboro (nacilingve)
2) Ekspliku (difinu) ilin nacilingve (koncize, laŭeble kun aplikekzemplo kaj fontindiko)
3) Traduku la difinon kaj provu tradukon de la termino
4) Tajpu la rezultojn sur slipoj (Din A 6/poŝtkarto) kun minimume 3 kopioj, laŭ jena ordo:
   a) la termino en Esperanto, kun fontindiko
   b) la difino de la termino en E. kun fontindiko
   c) la termino en via nacia lingvo
   d) fakultative, laŭ via scio, la angla, rusa, germana kaj franca tradukoj de la termino (kaj aliajn lingvojn)

   Sur aparta folio bonvolu noti viajn spertojn dum la laboro: kiom da tempo vi bezonis (en horoj — proksimume); ĉu kaj kiel vi kunlaboris kun aliaj personoj (kolegoj esperantistaj aŭ ne-esp., lingvo-spertuloj k. t. p.); la problemojn, kiujn vi ekkonis kaj kiel vi solvis ilin, k. t. p.
5) Sendu po unu kopion de tiu-ĉi materialo al jenaj adresoj:
   a) TeS de SEC, Budapest, pf. 193, H-1368
   b) Wera Dehler, DDR-1140 Berlin, Otto-Nagel-Str. 110, Pf. 113-05
   c) D-ro T. Rosinsky, Sturova 49, ČS-949 01 Nitra, ČSSR

   (Limdato: 1. VIII. 82)

   Bv. unu kopion konservi por vi.
   Kial forsendi al la tri adresoj?

1. Ĉar la centro en Budapest kolektos, konservos kaj multobligos ĉiujn slipojn por posta dissendado al ĉiuj kunlaborantoj, dum la du diverslandaj ĉefkolektantoj sen tempoperdo devas esplori la materialon antaŭ metodologia seminario, kio okazos en aŭtuno 1982 kaj decidos pri la pluaj paŝoj.
2. Ĉar poŝtaj vojoj ne estas sufiĉe sekuraj kaj ni ni volas riski la perdon de la altvalora materialo.

Bonvolu informi nin per la aldona slipo, kiun vi povos sendi kiel „presaĵo" rekte al adreso b). En la nomo de TeS mi deziras al vi sukcesplenan laboron!

---

Bonvolu sendi al ni informon laŭ jena modelo:

Mia nomo (preslitere) ..............................

Adreso ..............................
Mi ricevis la instrukcion pri la model-enketo kaj akceptas la taskon. La lim-

dato de ..............................
mi povos atenti.

Mi ne estas sufiĉe kompetenta kaj transdonis la taskon al:

..............................

Mi rifuzas la taskon, ĉar: ..............................

Aliaj rimarkoj: ..............................

.............................. ..............................
(urbo, dato) (subskribo)

## Korekto pri SEFT

Somera Esperantista Familia Tendaro okazos ĉijare de 21-a ĝis 28-a de aŭgusto 1982. Ni petas pardonon pro la malĝusta dato en „der esperantist" 6/81.

## Unua esperantologia simpozio en Bulgario

La 26an kaj 27an de septembro 1981 la Filologia sekcio ĉe BEA organizis unikan laŭ sia karaktero aranĝon — Scienc-praktikan Esperantologian Simpozion.

Sidejo de la Simpozio estis la Sofia Universitato „Kliment Oĥridski". Ĝian laboron partoprenis pli ol 40 esperantistoj-filologoj el la tuta lando.

Ĉe la Simpozio estis prezentitaj kvar bone motivitaj referaĵoj, nome:

— Striktigo kaj unuecigo de la terminaro kaj pri iuj gramatikaj kategorioj — de Violin Oljanov.

— Amplekso de instruado de gramatiko en kursoj — de Kunĉo Vâlev.

— Organizaj formoj kaj aranĝoj por suprenigo de la lingva nivelo de l' bulgaraj esperantistoj — de Marin Bâcev.

— Formoj kaj organizita studado kaj diskutado de esperantologiaj kaj interlingvistikaj problemoj — de prof. d-ro Stojan Ĝuĝev.

La referaĵoj provokis viglajn kaj utilajn eldirojn. La unuan tagon la parolon prenis S. Ĥesapĉiev, D. Ĥaĝiev, B. Beleva, D. Denĉev, As. Grigorov, N. Aleksiev, prof. Ĝuĝev, L. Marikin, St. Maserov, K. Vâlev, St. Damjanova, V. Oljanov kaj la duan tagon — St. Maserov, D. Ĥaĝiev, N. Aleksiev, prof. Ĝuĝev, Iv. Liŝev, Eva kaj Jordan Bojaĝiev, L. Sotirova, inĝ. P. Todorov, K. Vâlev, M. Elenov kaj N. Andrianova el Sovet-Unio.

Konekse kun la nova situacio, ekestinta post la enkonduko de Esperanto en la studplanon de la bulgaraj mezlernejoj kaj la akra bezono de alte kvalifikitaj instruistoj de Esperanto, la Simpozio pridiskutis diversajn aranĝojn por altigo de la lingva nivelo, interalie restarigon de la Esperanto-Instituto ĉe BEA kaj de la funkciado de la Sofia Filologia E-Grupo, agadon por enkonduko de Esperanto en la instruplanojn de universitatoj, pedagogiaj institutoj k. a., kiuj donas specialan kvalifikon de „instruisto" kaj rajtigas instrui la Internacian Lingvon en mezlernejoj; agadon por kreo de katedro aŭ fako pri esperantologio kaj interlingvistiko ĉe la Sofia Universitato, kie la dezirantoj povus akiri superan klerecon kaj profesiansciencan kvalifikon pri tiuj sciencoj; instigadon de studentoj-filologoj kaj lingvistoj, ke ili adoptu temon por kandidata aŭ doktora disertacio pri esperantologio ĉe la Sofia Universitato k. t. p.

La Simpozio aprobis projekto-decidojn, plej gravaj el ili estas la fondo de du laborgrupoj — pri Interlingvistiko, kun prezidanto prof. Stojan Ĝuĝev, kaj pri Esperantologio, kun prezidanto Violin Oljanov kaj la organizo de Kluboj de E-parolantoj (KEP) kaj kiel ties gvidorgano — kreo de Tutlanda klubo de E-parolantoj (TKEP). Honora gasto de la Simpozio estis prof. Ivan Duridanov — ĉefo de la Katedro de lingvoscienco ĉe la Sofia Universitato.

Respondante al starigitaj al li demandoj, prof. Duridanov esprimis la esperon, ke oni povus trakti la eblecon pri kreo de teoriaj kursoj de Esperanto en la Universitato (ekzemple pri „Metodiko de E-instruado"), pri elekto fare de studentoj de Esperanto kiel dua specialeco kaj eventuale — pri kreo de aspiranteco pri Interlingvistiko.

Rajna Konstantinova

(El „Bulgara Esperantisto" 10/81)

## Plurlingva muzeologia vortaro enhavos ankaŭ Esperanton

De la 28. 09. ĝis la 03. 10. 1981 okazis en Veszprém, Hungario, konferenco de ICOM-CIDOC (Internacia Konsilo pri Muzeoj — Komitato pri Dokumentado). Kvardeko da membroj kaj observantoj el Eŭropo kaj Ameriko, en plenaj sesioj kaj laborgrupoj, pritraktis diversajn aspektojn de la dokumentado en muzeoj. La internacia profesio de muzeologio, kiel nomiĝas la relative nova sciencobranĉo okupiĝanta pri la kolektado, konservado, esplorado kaj interpretado de objektoj kaj dokumentoj havantaj sciencan aŭ estetikan valoron, urĝe bezonas plurlingvan terminaron por faciligi interfakulan komunikadon. La celo de la laborgrupo pri terminologio estas la kompilado de tia vortaro, kiu, laŭ la origina projekto, inkludos ekvivalentojn de muzeologiaj terminoj en dudek lingvoj.

Okaze de la ĉi-jara konferenco en Veszprém, la tria provizora eldono de la vortaro kun la latina titolo **Dictionarium Museologicum** estis publikigita fare de la Muzea Centrejo pri Restaŭrado kaj Metodologio en Budapeŝto. Tiu ĉi verko uzas kiel ĉeflingvon la germanan, kaj jam estas pretaj tradukoj en la sekvaj lingvoj: la angla, franca, hispana, rusa, dana, hungara, rumana kaj kroatserba. Pasintjare, Tibor Sekelj, etnografo kaj eks-muzedirektoro, proponis la aldonon ankaŭ de Esperanto, kaj li preparis la unuan tradukon.

La subskribinto reviziis ĝin kaj aldonis plurajn mankantajn terminojn, do bal-

daŭ estos preta por publikigo la unua eldono de **Muzeologia Vortaro Germana-Esperanta.** Esperantistoj-muzeologoj, kiuj emas kunlabori kaj kompetentas kontroli la esperantigon de terminoj uzataj sur tiu ĉi faktereno, bonvolu skribi al jena adreso.

S-ro István Éri
Laborgrupo pri Terminologio (ICOM-CIDOC)
Muzeumi Restaurátor- és Módszertani Központ Pk. 54
H-1476 Budapeŝto 100, Hungario

Bernard Golden
arkeologo/muzeologo
Muzeo de Bakony
Veszprém, Hungario

## Fakgrupo de sovetiaj fizikistoj

La Scienc-Teknika Komisiono de ASE decidis fondi fakgrupon de sovetiaj fizikistoj. Komence ĝi celas unuigi ĉiujn fakulojn, laborantajn en sfero de fiziko, verki prelegon pri apliko de Esperanto en la fiziko, stimuli verkadon de esperantlingvaj scienc-popularaj artikoloj, recenzi ilin, regule prepari malgrandajn informojn sub la titolo „Novaĵoj de fiziko" por E-revuoj, praktiki la lingvon dum sciencaj seminarioj en- kaj eksterlande. La ĉefa / sed ne tuja / tasko estas ellaboro de faka terminaro.

La orginaza laboro ĵus komenciĝis. Ni ĉiam ĝojus ricevi de alilandaj kolegoj informojn kaj sugestojn. Ni ankaŭ ĉiam pretas peri korespondadon inter sovetiaj kaj eksterlandaj samfakuloj.

La adreso de la provizora gvidanto de la sekcio estas jena:

SU-340 086 DONECK - 86
ul. Gorjkogo 33-3
M. A. Belogolovskij

## Fakgrupoj ĉe GDREA

Ekzistas jenaj centraj fakgrupoj ĉe la ĉefa estraro de Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR:

1. **Interlingvistiko/esperantologio**
   Prezidanto: Prof. Dr. Georg F. Meier (Humboldt-Universitato)
   Sekretario: D-ro Detlev Blanke
   adreso: Esperanto-Asocio
   DDR-1080 Berlin
   Charlottenstr. 60

2. **Metodiko de Esperanto-instruado**
   Prezidanto: D-ro Till Dahlenburg
   2722 Brüel
   Straße der DSF 13

3. **Medicinistoj**
   Prezidanto: D-ro Giso Brosche
   7981 Rückersdorf

4. **Fervojistoj**
   Prezidanto: Inĝ. Achim Meinel
   1017 Berlin
   Leninplatz 31

5. **Komputistoj**
   Prezidanto: Michael Behr
   7113 Markkleeberg
   Koburger Str. 83

6. **Poŝto kaj telekomunikado**
   Prezidanto: Horst Isensee
   7024 Leipzig
   Klara-Wieck-Str. 32

Oni planas fondi fakgrupojn de tradukistoj, agrikulturistoj k. a. Kunordigadas la aktivecojn komunajn al ĉiuj fakgrupoj la aŭtune 1981 fondita **Scienc-teknika Komisiono ĉe EAKL,** kies prezidanto elektiĝis Richard Partecke, 5900 Eisenach, Am Ofenstein 5. Tiu komisiono organizas spertinterŝanĝojn pri temoj rilatantaj ĉiujn fakgrupojn, precipe instigas fakterminologian laboron, organizadon de interdisciplinaj fakkonferencoj, kunlaboron kun alilandaj scienc-teknikaj komisionoj kaj fondon de novaj fakgrupoj. La komisiono konsistas el la prezidantoj de menciitaj fakgrupoj respektive de iliaj reprezentantoj.

Krome laboras 7a komisiono pri la **esploro de la historio de la Laborista Esperanto-movado.** Prezidanto vakas. Oni skribu al la adreso de GDREA.

La **Junulara Komisiono,** kiu kompreneble ne estas rigardebla fakkomisiono, estas gvidata de Michael Lennartz, 1720 Ludwigsfelde, Theater-Str. 10.

## Amikeco en praktiko

Ekde kelkaj jaroj nin interligas amikecaj kontaktoj kun la esperantistoj de nia ĝemelurbo Ŝumen en Bulgario. Tial estis logika sekvo, ke antaŭ 4 jaroj okaze de distrikta renkontiĝo en Magdeburgo ni subskribis amikecan kontrakton inter ambaŭ Esperantaj grupoj „PROGRESO" el Magdeburgo kaj „VEKIĜO" el Ŝumen (kp. „de" 6/78).

Ambaŭ flankoj en la pasinta tempo klopodis, vivigi tiun ĉi kontrakton. Tiel ni ekz. interŝanĝis informojn i. a. pri la Esperanta laboro de niaj grupoj kaj pri Esperantaj temoj en niaj gazetaroj, ni peris la interŝanĝon de infanpentraĵoj de du lernejaj klasoj.

Sed kulmino de iu amikeca kontrakto estas ĉiam denove la personaj kontaktoj. Malgraŭ tio, ke inter niaj ambaŭ urboj estas pli ol 1400 km. de aerlinia distanco, ni interkonsentis en la kontrakto, interŝanĝi delegaciojn ĉiun duan jaron.

Ĉijare mi havis la grandajn honoron kaj plezuron, kune kun Herta Zemlin sekvi inviton de niaj bulgaraj amikoj al Ŝumen. Ni partoprenis kiel delegitoj en la scienco-praktika konferenco „Bul-

gario 1300". Estas neeble por mi, ĉi tie prezenti la multspecajn impresojn de tiu ĉi vojaĝo, kiu daŭris de la 28a de majo ĝis la 1a de junio 1981. Car mi persone je la unua fojo restadis en Bulgario, min ekscitis precipe la kora gastamikeco kaj la malkomplikiteco, per kiu la gastigantoj salutis kaj traktis nin kiel honorgastojn, komune kun kelkaj aliaj eksterlandanoj el GDR, Sovetunio, Hungario, Pollando kaj Ĉeĥoslovakio. Elokventa esprimo por tio estis akcepto ĉe la urbestro de Sumen.

Post la fino de oficiala parto de konferenco la Esperanta societo „VEKIGO" rapide arangis honore al ni salutan postagmezon. Tio estis por ni la okazo, interŝanĝi niajn salutojn kaj oficialajn gastdonacojn kaj ni priĵuĝis la ĝisnunan realigon de la kontrakto.
Entute: tiu ĉi vojaĝo estis plena sukceso.

Fine mi, ankaŭ en la nomo de ligamikino Zemlin, volas danki niajn bulgarajn gastigantojn, precipe mian amikon Cvjatko Todorov kaj geedzojn Minĉev, por la eminenta prizorgo, same kiel la Magdeburgan urbestraron de Kulturligo de GDR por la financa subteno.

Günther Endler

## Letervespero pri Dimitrov

Honore al la 100a datreveno de la naskiĝo de Georgi Dimitrov — granda filo de la bulgara popolo — E-societo „LUMO" — 5000 Veliko Târnovo, PK 121, Bulgario, organizos en junio k. j. letervesperon kaj ekspozicion perletere. Pro tio ni petas niajn eksterlandajn geamikojn tutmonde respondi al jenaj demandoj:

1. Ĉu vi scias, kiu estis Georgi Dimitrov?
2. Skribu, ni petas, kion vi scias pri li.
3. Se en via loĝloko estas strato, monumento, lernejo, muzeo, entrepreno aŭ alia institucio portantaj ties nomon, bonvolu sciigi tion al ni (se eblas kun foto).

La partoprenontoj estos rekompencotoj per foto de Georgi Dimitrov. Ĉion sendu al la supra adreso.

E-societo „Lumo" — Veliko Târnovo

## Poenta sistemo — forta stimulo de kluba laboro

Skribas la soveta esperantisto Anatolo Gonĉarev el Moskvo:

Kiam ni fondis SEJM-on (1966 j.) ni alfrontis la demandon dum ĉiujaraj konferencoj elekti (sen grandaj diskutoj) klubojn kun la plej bonaj rezultoj, kaj premii ilin. Por precize taksi la laboron, ni provis ellabori iujn kriteriojn de tiu taksado. Tiel aperis (1969) la poenta sistemo (PS), en kiu por (aŭ per) Esperanta laboro valoris iom-tiom da poentoj.

Rezulte jaraj raportoj pri kluba agado rapide prenis organizitan nemultvaloran karakteron. Ĉiu klubo ekdevis atente noti ĉiun eron de sia laboro por okupi pli altan lokon en la anoncita ĉi-lige socialisma konkurado. Aperis forta stimulo, precipe ĉe junularo, variigi E-laboron, krei ĉiam novajn kaj novajn E-iniciativojn. Kompreneble oni strebis unuavice fari ne iujn bagatelajn E-laborojn, sed tiujn, kiuj „pezis" multajn poentojn. Sekve la Komitato de SEJM povis influi la E-agadon, ĉiujare iom modifante PS-on kaj donante por io aparte multe da poentoj.

De alia flanko „melki" poentojn de ie ajn devigis la klubojn fari eĉ ŝajne bagatelajn aferojn, ekz. helpi al alilandaj peresperantaj ekspozicioj per materialoj.

Fojon prenita PS rapide prezentis aliajn avantaĝojn. Faciligis al klub-estraroj la taskon preni jarplanojn: rigardu PS kaj verku laŭ ĝi, ne forgesante, ke ne antaŭviditaj en PS aktivecoj estos aparte poentigitaj.

Iuj kluboj organizis socialisman konkuradon ankaŭ interne de klubo inter siaj anoj laŭ la sama PS. Tiel oni povis jam sen hezitoj doni al avangarduloj pli da favoroj por E-abonado, veturado al E-kongresoj kaj aliaj raraĵoj, ja Esperanto laboro estis precize mezurata per PS.

(El „Budapeŝta Informilo 8/81)

## Esperanto-Weltkongresse 1983

1983 werden die großen Esperanto-Weltkongresse des Esperanto-Weltbundes (UEA) in **Ungarn** stattfinden.

Ort des 68. Weltkongresses wird Budapest sein. Der Internationale Jugend-Kongreß des Esperanto-Weltbundes (TEJO) wird in Debrecen statfinden.

Der Zentralvorstand des Esperanto-Verbandes bietet allen Interessenten an, über eine organisierte Reisebürofahrt an diesen Kongressen teilzunehmen. Es besteht auch die Möglichkeit der individuellen Teilnahme, die dann jeder selbst organisieren muß. **Im Interesse der Sicherung der Teilnahme von DDR-Esperantisten bitten wir, alle Interessenten an beiden Kongressen sich möglichst umgehend bei uns zu melden.** Diese Anmeldung verpflichtet noch nicht zur Teilnahme, sichert aber den Erhalt von Informationen. Man kann davon ausgehen, daß die einwöchige Teilnahme am Weltkongreß in Budapest (letzte Juliwoche 1983, je nach Hotelkategorie, Beförderungsart, Verpflegungsleistung, Taschengeld und andere Leistungen, ca. M 1400—2000 kostet. Die Kosten für den Jugendkongreß werden erfahrungsgemäß bei M 1000 liegen.

## EAKL aŭ GDREA

Jen novaj misteraj mallongigoj. Nu — „Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR" bezonas iun **taŭgan** mallongigon ne nur skribeblan sed ankaŭ **prononceblan.** „EAKL" kiun ni uzis en la lastaj numeroj eble ne tro bone taŭgas por prononco (eako-lo), sed eble pli bone GDREA (go-do-rea), t. e. GDR-Esperanto-Asocio. En unu mallongigo enestas „Kulturligo" (KL) en la alia „Germana Demokratia Respubliko" (GDR), sed ambaŭ ne eblas enmeti en la mallongigon. Do — eble la indiko, ke temas pri Esperanto-Asocio laboranta en GDR estas preferinda. Krome „go-do-rea" estas facile prononcebla. Do — ni proponas tiun mallongigon. Aŭ ĉu vi scias pli bonan? Se jes, skribu al ni!

## Alle Möglichkeiten nutzen!

Zur allgemeinen Information über Esperanto müssen alle Möglichkeiten und Reserven genutzt werden in der Öffentlichkeitsarbeit. Ein Beispiel dafür ist die Gestaltung eines Schaufensters des Volksbuchhandels anläßlich der diesjährigen (1981) Woche des Buches mit Esperanto-Literatur. Es wurden aus verschiedenen Verlagen Neuerscheinungen der letzten Jahre wie auch antiquarische Bücher aller Bereiche gezeigt.

Nur durch persönliche Initiative eines Mitgliedes und durch gute Zusammenarbeit mit dem örtlichen Volksbuchhandel war es der E-Gruppe möglich, auf diese Art über Esperanto zu informieren und Interessenten anzusprechen. Aus den Rückfragen schlußfolgerten wir, daß bei ausreichender direkter Lernmöglichkeit weit mehr Interessenten und Mitglieder zu gewinnen wären.

Kreisvorstand des EV Sangerhausen

## 11a Distrikta Renkontiĝo de la berlinaj esperantistoj

Je la 14a de novembro 1981 okazis la kutima centra renkontiĝo de la esperantistoj en Berlin. Kiel gastoj oni povis saluti prof. d-ron Horský kaj s-ron Ševĉik el Prago, s-ron Franc el Pardubice (ĈSSR) kaj ankaŭ esperantistojn el aliaj distriktoj.

La renkontiĝo malfermiĝis per la recitado de la poemo „La paco estas pli forta" de Erich Weinert, kiu estas aktuala ankoraŭ post 30 jaroj de sia ekesto (traduko kaj recitado: Manfred Arnold). La prezidanto de la Distrikta Estraro Esperanto Berlin, Hans Wegener, raportis pri la laboro dum la pasintaj monatoj. Novaĵo estis, ke junulara grupo montris malgrandan kulturprogramon: en du skeĉoj oni parolis en aŭ pri Esperanto.

Posttagmeze nia gasto el Prago, prof. Horský, montris lumbildojn pri belaj konstruaĵoj de la ĉeĥoslovaka ĉefurbo.

Nia renkonto finiĝis per parolado de d-ro Blanke pri la kialo de la fondado de Esperanto-Asocio en la kadro de Kulturligo de GDR kaj pri E-aranĝoj enlandaj en la jaro 1982.

Entute tiu aranĝo havis pozitivan etoson kaj oni povas esperi, ke la 65 partoprenintoj ankaŭ estonte agos kun elano en la E-movado.

Barbara Schulze

## IVET '82

(Internaciaj Vivomediaj Esperanto-Tagoj 1982)

Okaze de Monda Tago pri Vivomedio la E-grupo Bernburg aranĝos internacian vesperon sub la temo „Homo kaj akvo".

Sen akvo ne ekzistus iu ajn vivo sur la mondo. Por ke ankaŭ estonte la homaro disponu pri sufiĉa bona akvo nun estas la tempo fari la protektadon de l' akvo afero de ĉiuj homoj.

Preparante ĉi-tiun aranĝon ni petas sendi al ni kian ajn materialon pri akvo, ties uzado kaj protektado.

Sendu bildkartojn pri riveretoj, riveroj, lagoj kaj maroj. Skribu viajn pensojn pri iu apliko de akvo, poemojn kaj kantojn, kaj ankaŭ pri agadoj rilate al la akvoprotektado.

Por gastoj ni aranĝos kroman programon inter la 4a kaj 7a de junio 1982 — Internaciaj Vivomediaj Esperanto-Tagoj (IVET '82). Pliajn informojn kaj aliĝilon vi ricevas de: Esperanto-Asocio en Kulturligo de GDR, Subdistrikta Estraro Bernburg, GDR-4350 Bernburg, poŝtkesto 1.

## Korajn gratulojn al d-ro Hußner

La prezidanto de la Distrikta Estraro de GDREA en Suhl, membro de la Centra Estraro, d-ro Hans-Joachim Hußner el Ilmenau, fariĝis la 26an de decembro 60-jara. Al liaj iniciatoj oni povas danki konsiderindan plivigligon de la agado en la suda distrikto de GDR. Samtempe la jubileulo, kiu estas scienca ĉefasistanto en la Teknika Altlernejo de Ilmenau, donas sian kontribuon al interlingvistikaj esploroj. La Centra Estraro tre kore gratulas al la jubileulo.

## Scienca Aŭtuna Forumo

Pli ol 110 studentoj el 6 landoj partoprenis la SAF-81 en Szeged (Hungario) pasintnovembre. Kerna diskuttemo estis la agado de la Budapeŝta Scienc-Afera Centro de UEA: jam delonge oni laboras por eldoni verkojn esperantlingvajn, kaj kelkaj jam prespretas; la terminologia flanko tre aktivas kaj pluraj terminarej/plurlingvaj vortaroj jam pretas. La informa organo (Budapeŝta Informilo) aperigas informojn plurfacetajn ni oni multe varbis ekstermovade kun bonaj rezultoj, kaj same oni bone rilatas kun neesperantistaj fakaj organizoj, malgraŭ kelkaj pure teknikaj problemoj kiuj malhelpas la estigon de rektaj rilatoj; estas bonaj rilatoj kun ekonomikista kaj matematikista societoj, same kiel la rilatoj kun pluraj universitatoj kaj altlernejoj. Pluraj fakaj kaj studentaj rondoj prezentis raportojn pri siaj laboroj: kiel ekzemplojn ni citu la Konferencon pri Aplikado de Esperanto en Scienco kaj Tekniko, okazinta en Žilina aŭgusto 1981, aŭ la Esperanto-Fakon de la Universitato „Eötvös Loránd", aŭ la Elektroenergetikan Altlernejon „Kandó Kálmán" (la unua en CSSR, la aliaj du en Hungario), la Budapeŝtan Medicinan Universitaton „Semmelweiss" la printempe 1981 fondiĝintan Interfakan Studentan Sciencrondon, la plurajn studentajn grupojn en Jugoslavio, PSEK (Pola Studenta Esperanto-Komitato) kaj ties konferencoj kaj seminarioj, kaj la Esperantistan Studentrondon en Timisoara (Rumanio).

## Somera Esperanto-Lernejo en Eger

En SELE 81 partoprenis ankaŭ tri personoj el GDR, Germana Demokratia Respubliko. Veninte per aviadilo aŭ trajno ili apartenis al la 113 lernantoj el dek-unu ŝtatoj, kiuj sin dediĉis dum preskaŭ du semajnoj al la plibonigo de siaj esperantlingvaj konoj.

Oni loĝis en lerneja domo po kvin homoj en unu ĉambro. Matene oni sekvis kvinhoran instruadon. Estis kurso por komencantoj (kurso A) kaj por progresintoj (gramatiko, literaturo, konversacio, Esperanto-historio kaj movado). Post la tagmanĝo aŭ post la vespermanĝo la lernantaro partoprenis ekskursojn en la urbon aŭ montaron, vizitis koncertojn en Katedralo aŭ la Esperanto-klubon aŭ eĉ vinkelon.

Ankaŭ en 1982 okazos somera lernejo en Eger (SELE 82). Rekomendinde por GDR-anoj: Frovu pagi per ŝtata banko por ŝpari monon, evitante la „plu"-kotizon de monŝanĝo je pli ol po 30 markoj tage. Kaj plue, mendu kuŝlokon en vagonaro tri monatojn antaŭe.

Informojn petu ĉe: Departementa Komitato de HEA, H-3301 Eger, Pf. 105.

Laŭ Käthe Mönch, Halle
Peter Flögel, Berlin
Rainer Klützke, Schwerin

## Ekonomikista Simpozio

Ĉi tiun simpozion de 27. 12. 81 — 2. 1. 82 en Budapeŝto partoprenis ĉirkaŭ 40 esperantistoj el Hungario, Jugoslavio, Bulgario, Rumanio, GDR, Kanado kaj Usono.

Tie oni aŭdis vicon da interesaj prelegoj pri ekonomiaj problemoj, ekz. „Ekonomikaj sciencoj kaj ekologio", „La rolo de ekonomiko en la ekonomia politiko de la Usono", „Kelkaj demandoj de la centra direktado kaj entreprena memstareco en Hungario", „Sistemo de socialisma entreprenado laŭ Tibor Liska", „La teoriaj problemoj de makroekonomika kvantigo", „Vivnivelo en la nuntempaj socioj", „Ĉu ekonomio kontraŭ ekologio aŭ male?" ktp.

La lasta tago de la simpozio estis dediĉita al terminologiaj problemoj de la ekonomia faklingvo de Esperanto. Ankaŭ temis pri orient-eŭropa varianto de la naŭlingva Internacia Komerca-Ekonomika Vortaro.

La lasta temo de la simpozio estis dediĉita al la estonta kunlaboro de la Ekonomikistoj-esperantistoj. De la reprezentinto de HEA estis proponita, ke oni kolektu la adresojn de ĉiuj ekonomikistoj-esperantistoj de la mondo, por listigi ilin al adreslibro. Do, miaj vortoj stimulu vin realigi la supre nomitan proponon.

Michael Wolf

## El Krasnodar

La 31an de januaro 1982 en la urbo Krasnodar okazis la dua Esperanto-konferenco sub la devizo „Esperanto servas al paco". La tagordo enhavis vastan gamon da diversaj demandoj: gvidlaborplano por la jaro 1982, elektoj de gvidorganoj, financa raporto, kunlaboro, urbaj organizaĵoj, modifo de statuto, kreado de nova junulara klubo „Kubanj", interŝanĝo de Esperanto-informado pri sia laboro (problemoj, iniciatoj) k. a. demandoj, kiuj stimulas la aktivan partoprenon de ĉiuj geesperantistoj en la batalo kontraŭ la minaco de nova mondmilito.

Prezidanto de organizaĵo elektiĝis rec S. V. Kocarj.

Kun granda intereso la partoprenantoj kaj urbanoj rigardis vastan ekspozicion „Politika afiŝo GDR".

Aleksej Nikulin

## TEJO-Seminario en Hungario

Inter la 15a kaj 22a de aŭgusto 1982 en urbeto Szentendre okazos internacia seminario, organizita de la Komisiono por Eksteraj Rilatoj (KER) kaj la Komisiono pri Scienca Aplikado de Esperanto (KSA) de TEJO kunlaboro kun la hungara Interfaka Scienca Studentrondo.

La ĉeftemo de la seminario estas: „Homaj loĝlokoj — hodiaŭ kaj morgaŭ".

Estos pridiskutataj la sekvaj subtemoj: la nocio kaj tipoj de komunumoj, la vivmaniero en diversaj loĝlokoj, la ekonomiaj aspektoj de la vivo en urboj kaj aliaj lokoj, la rolo de la lernejo de la estonteco kiel la kultura kaj eduka centro de la loĝlokoj, medioprotektadaj problemoj en homaj loĝlokoj, urboj kaj lingvoj, loĝkvartaloj de la estonteco respondantaj al la bezonoj de la moderna socio.

La Seminario inkluzivos ankaŭ prelegojn far eminentaj fakuloj pri la diversaj temoj, projekciadon de filmoj, vizitojn al Budapeŝto kaj al aliaj loĝlokoj en la proksimeco k. t. p. La Seminarion partoprenos ĉirkaŭ cent gejunuloj.

Antaŭ la seminario ĉiu aliĝinto ricevos apartan kajeron, kiu enhavos la tekston (aŭ almenaŭ la resumon) de laŭeble ĉiuj prelegoj. Sed por efektivigi tion nepre necesas, ke ĉiu prelegemulo sendu la tekston aŭ almenaŭ la resumon de sia prelego ĝis la 31a de marto 1981, al la sekva adreso: TEJO/KSA, Budapest, Pf. 193, H-1368.

## Arkeologia laborbrigado en Bulgario

En Debnevo, de la 8a ĝis la 31a de aŭgusto okazos la dua Internacia Esperantista Arkeologia Laborbrigado. Junaj esperanto-parolantoj el la tuta mondo rajtas partopreni, laborante 20 tagojn, tage po 7 horoj (7—14); posttagmeze ripozo kaj banado ĉe rivero; vespere diskomuziko. Oni ekskursos al pluraj urboj, inter ili Gabrovo kaj Veliko Târnovo. La brigadanoj okupiĝos pri arkeologiaj prifosoj. Informoj ĉe Bulgara Esperanto-Asocio, Pf. 66, BG-1303 Sofia.

## JEL '82

Junulara Esperanto-Lernejo („JEL 1982") okazos en la tagoj 4. — 17. 7. 1982 en Bardejov, Slovakio. Krom la antaŭtagmeza instruado en 3-gradaj kursoj atendas vin feriado en internacia junulara medio, ekskursoj, banado en termala akvo, diskotekoj kaj amuzaj vesperoj. Loĝado en moderna hotelo en naturo, en 2- kaj 3-litaj ĉambroj kun varma akvo. Elektebleco de manĝaĵoj, infanvartejo por junaj familioj, modera kotizo. Aĝlimo 30 jaroj. Aliĝo ebla ĝis la 1-a de junio ĉe: Stano Marĉek, Zvolenská 15, CS-036 01 Martin, Ĉeĥoslovakio.

## Aranĝoj en Slovakio

O: organizanto A: adreso por aliĝo

**Somera Esperanto-Lernejo Koŝice, SELKO 82, 11. — 24. 7. 1982 (Jasov)**
O: CK AESSR
A: Zvaz esperantistov SSR, Sobotské nám. 6, 058 01 Proprad

**Turisma Semajno, TUSE 82, 24. — 30. 7. 1982 (Slovaka Paradizo)**
O: Esperanto-klubo Spiŝská Nová Ves
A: Zvaz esperantistov SSR, Sobotské nám. 6, 058 01 Proprad

**Turismaj Tagoj Žilina, TUTA 82, 16. — 20. 8. 1982 (Žilina)**
O: Ma REK
A: Esperanto-klubo, Dom odborov, 010 01 Žilina

**Mototurisma Ekskurso en la regiono de Altaj Tatroj, 24. — 26. 9. 1982**
O: CK AESSR
A: Zvaz esperantistov SSR, Sobotské nám. 6, 058 01 Proprad

**Kulturaj Esperantistaj Tagoj, KET, 26. — 28. 11. 1982 (Proprad)**
O: CK AESSR
A: Zvaz esperantistov SSR, Sobotské nám. 6, 058 01 Proprad

## Medio-protektado kaj Esperanto

Esperantistoj el GDR interesiĝantaj serioze pri medio-protektado anoncu sin ĉe la Centra Estraro de GDREA. Eventuale oni povus fondi fakgrupon, kiu utiligus Esperanton por la internaciaj kontaktoj, ligoj kaj informoj pri medio-protektado. Eblecoj por tia agado estus tre bonaj, des pli ĉar en Kulturligo ja ekzistas la „Societo por naturo kaj medio". Oni povus sekvi la ekzemplon de Hungara Esperanto-Asocio, kiu subskribis interkonsenton pri kunlaboro kun la Esplororganiza kaj Kleriga Ĉefsekcio de Tutlanda Medio- kaj Naturprotektado Instanco (OKTH). Cetere, tian interkonsenton ankaŭ subskribis la Naturprotekta Societo de Estona SSR kaj la Estona Filio de ASE. En la internacia Esperanto-movado problemoj de la medio-protektado pli kaj pli ofte estas temoj de sciencaj traktadoj aŭ diskutoj. Tiun agadon ankaŭ devus partopreni GDR-esperantistoj.
Por interesiĝantoj ni liveras informilon pri la hungara iniciato.

## Bezirkstreffen in Dresden

Am 18. und 19. September 1982 findet in Dresden ein Bezirkstreffen mit ausländischen Gästen statt. Interessierte melden sich bis zum 20. 7. 1982 beim Esperanto-Verband-Bezirksvorstand Dresden, 8053 Dresden, Goetheallee 37.

## Intensivkurs in Dohna

Vom 1.–7. November 1982 findet in Dohna, Bez. Dresden, ein weiterer Intensivkurs statt, der von Prof. Jaromir Polenský, ČSSR geleitet wird. Dieser Kurs ist für Anfänger bestimmt und kostet M 100.–. Interessenten melden sich bitte beim Zentralvorstand des Esperanto-Verbandes (1080 Berlin, Charlottenstr. 60).

## Laste aperis

— Dia komedio, La/La divina commedia (unua Esperanto-eldono 1963) Dante Alighieri. El la itala tradukis Giovanni Peterlongo. Milano. SIEL 1979 (2-a eldono) 55 + 709 p. Dulingva eldono kun pli ol cent tutpaĝaj ilustraĵoj de Sandro Botticelli.

— EK-vortaro de matematikaj terminoj. EG-Wörterbuch mathematischer Begriffe. R. Hilgers kaj Yaskovardhan Alsbach: Leuchtturm-Verlag 1980, 161 p.

— Esperanto: curso elementar cm 20 Licoes, Manuel S. Teixeira. Lisboa 1980, 123 p. (lernolibro)

— Fabeloj de la verda pigo. Louis Beaucaire. Antverpeno—La Laguna, 1981, 110 p., ilustrita de Stano Markovič. Spritaj fantaziaj rakontoj kun Esperantaj temoj.

— Gardu la pacon! Asen Grigorov. Budapest, HEA, 1980, 119 p. Originalaj versaĵoj.

— Infero. Dante Alighieri. El la itala tradukis K. Kalocsay. La Chaux-de-Fonds/Milano 1979 (2a eld.), 282 p.

— La litomiŝla tombejo. Karolo Piĉ. Saarbrücken. Artur E. Iltis, 1981, 276 p. Originala romano.

— Miscellanea interlingvistica/Interlingvistika antologio. Red. I. Szerdahelyi, Budapest. Tankönyvkiadó 1980, 513 p. Prelegoj de la 1-a Internacia Interlingvistika Konferenco 1978

— Mondo de travivaĵo. Tibor Sekelj. Pizo: Edistudio 1981, 286 p. Rakontoj pri vojaĝaventuroj sur kvin kontinentoj

— Planlingvo Esperanto. Irja Klemenda. Turku: Esperanto-Ligo de Finnlandaj Instruistoj 1980, 136 p. Lernolibro.

— Somermeze. Paul Kuusberg. El la estona tradukis Alma Lekko. Tallinn: Eesti Raamat 1981, 358 p. Militromano.

— Sur la vivopado. Nicolini Rossi. La Chaux-de-Fonds/Milano LF-Kogs 1980, 112 p. Originala poemaro.

— Tridek roluloj. Sfefan MacGill. Antverpeno: TEJO 1981, 72 p. Kvin amuzaj skeĉoj.

— Vole . . . novele; aŭ kvindek jaroj de noveloj 1920 — 1970. Raymond Schwarz. Saarbrücken: Artur E. Iltis 1981, 192 p.

— Wörterbuch Deutsch—Esperanto Hans Wingen (unua eldono 1954). Hildesheim—New York: Olms-Verlag 1981, 176 p.

— Ĉina Esperanto-Vortaro. Marko Uang Bu-jung. Taipei: 1980, 26 + 749 + 69 p.

— La Datentransiga proceduro X.25 kun ĝenerala enkonduko pro proceduroj. Christian Bertin. Liego. Someraj Universitataj Kursoj. 1980, 133 p.

— Elektitaj fabeloj: Jakob kaj Wilhelm Grimm. El la germana tradukis Kabe. Saarbrücken: Artur E. Iltis 1981, 199 p.

— Elementoj de homa fiziologio en rilato kun edukado. Pol Denoel. Liège. Someraj Universitataj Kursoj. 1981, 26 p.

— Esperanto-radnički jezik. Marinko Gjivoje kaj Ivo Borovečki. Borovo: Voĉo. 1981, 41 p.

— Esperanto-utopie of realiteit? Bert de Wit-Vogelenzang. FLE, 1981, 162 p.

— Međunarodni jezik Esperanto: udžbenik, čitanka, rečnik. Gvozden Sredić. Beograd: Novosti iz Jugoslavije 1981, 229 p.

— Sociekonomiaj problemoj de ekologio. Hristo Marinov. Liège: Someraj Universitataj Kursoj, 107 p.

— Meze de Eŭropo. Skizo pri la historio de Ĉeĥoslovakio. Prago. Panoramo 1980, 99 p. (Ricevebla ĉe CLE, 5 markoj)

— Rakontoj el unua poŝo kaj rakontoj el la dua poŝo. Karel Čapek. Trad. J. Vondroušek. Prago: ĈEA 1981, 285 p. (Havebla ĉe CLE, 10 markoj)

— Mortinta, sed senmorta: Iam kompletigota plena verkaro de L. L. Zamenhof. Kajero 9. Kioto. Eldonejo Ludovikito. 1981, 518 p. Verkoj, plejparte leteroj el la jaroj 1909 — 1917 de Zamenhof.

— Nova vortaro Esperanta-ĉina (1959). Kompilis Ĉina Esperanto-Ligo. Pekina Esperanto-Asocio 1980 (represo), 6 + 328 p.

— Anekdotoj pri gabrovanoj. Red. G. Dolapĉiev. El la bulgara trad. N. Janev. Gabrovo 1981, 28 p.

— Burgoj kaj kasteloj. Albumo de sudbohemiaj historiaj memorindaĵoj, unua kajero. Kompilis Irena Papirnikova Ceskè Budějovice. 1980, 41 p.

— Esperanto: The solution to our language problems / La solvo de niaj lingvaj problemoj. Red. Rüdiger kaj Vilma S. Eichholz, Bailieboro: Esperanto Press 1981, 472 p. Dulingva.

— Fundamento de taktiko kaj strategio en go-ludo. M. Emori. Esperantista Go-Ligo Internacia, 1981, 6 + 193 p.

— Hajka antologio. Red. M. Miyamoto kaj M. Ueyama. Kioto: L'Omnibuso 1981, 220 p.

— Internacia Kemio-vortaro. Manfred Westermayer, Tübingen: la aŭtoro. 1981, 8 + 71 p. 3400 terminoj alfabete aranĝitaj kun tradukoj al la angla kaj la germana.

— Internationales Chemie-Wörterbuch. Manfred Westermayer. Tübingen: la aŭtoro 1981, 8 + 58 p. Alfabeta aranĝo laŭ germanaj terminoj.

— Katalogo de Esperanto-periodaĵoj ĉe Universala Biblioteko de Katolika Universitato en Lublin. Anna Grabowska kaj Edward Wojtakowski. Lublino/Romo: Biedulski, 1981, 3 — 87 p.

— La lingva problemo de la movado de nealiancitaj landoj. Kelkaj rekomendoj. Tibor Sekelj. Rotterdam: UEA 1981, 12 p.

— Londono vokas. Historio de la Londona Esperanto-Klubo 1902 — 1978. Harry Holmes Londono 1981, 131 p.

— Medalionoj (1957). Zofia Nalkowska. El la pola trad. T. Hodakowski. Warszawa. PEA 1979 (fotorepreso) 112 p. Pri la suferoj de poloj sub nazia reĝimo.

— Mediteme. Oldřich Knichal. Praha: Ĉeĥa Esperanto-Asocio, 1980, 73 p. Noveloj kaj eseoj.

— Schleyer: Johann Martin Schleyer (18. Juli 1831 — 16. August 1912): Ein Lebensbild. (1914), Albert Sleumer. Saarbrücken: Artur E. Iltis, 1981 (fotorepreso) 42 p.

— Slovaka antologio (1977) 2-a eldono. Bratislava 1980, 528 p.

— Tutmonda esperantista adresaro. 1981, Marburg. 8 + 214 p. Listigas ĉ. 2700 adresojn laŭ lando kaj urbo.

— Vereco, distro, stilo. Romanoj en Esperanto. William Auld. Saarbrücken: Artur E. Iltis. 1981, 101 p. Kritiko pri ĉiuj ĝisnunaj kvindek originalaj Esperanto-romanoj.

---

## Verkisto — poeto
## Satiro de V. N. Devjatnin

Forpasis jam du monatoj, de kiam li komencis la studadon de Esperanto. Li perfekte ellernis la lingvon, kaj sekve ... li devas fariĝi Esperanto verkisto-poeto, — nepre poeto, ĉar Esperanto estas mirinde oportuna por poetoj: oni ne devas ekzemple longe serĉi rimojn, estas nur necese ellerni parkere la sufiksojn, kelkajn sufiksojn! ...

La samideano kuras en proksiman butikon, aĉetas dikan kajeron, provizon da inko kaj plumoj, altabliĝas kaj skribas ... „Esperantan himnon“:

Vivu nia kara Esperanto!
Mi estas via geamanto!
En la tuta mondo li nun disvastiĝis,
Ĉiu prudentulo nun al li aliĝis,
Ektriumfis multe tuta la homaro,
Ĉar ĝi ekfariĝis granda amikaro!
Ĉiu nune vivos en la amikeco,
Forgesinte tute pri la malpaceco.
Ĉiu nia nuna kontraŭbatalulo
Estas sendispute granda malsaĝulo ..
ktp.

La talenta poeto dum unu vespero plenigis kelkajn paĝojn de sia kajero kaj, tralegint e sian laboron, trovis nur tri eraretojn: li dufoje nomis Esperanton „li“ anstataŭ ĝi, kaj sin mem „geamanto“. Jam post unu monato dikega libro estis preta, — li nur ne povis trovi entrepreneman homon, kiu aperigus lian sterkon ... pardonu: mi volis diri verkon!

Nu, kion fari? Tia estas sorto de ĉiuj veraj talentoj en nuna ne kultura epoko!

## Ni kore gratulas

— al Hugo Bischof, iama membro de LEA, el Cabarz pro la arĝenta Hufeland-Medalo.

## Ni funebras

— pro la forpaso de Otto Erbs, kiu mortis 24. 12. 1981. Li estis iama LEA-membro kaj kunfondinto de la Esperanto-Grupo Waltershausen, Turingio.

# KORESPONDDEZIROJ

31635

## Bulgario

Studentino, 23j., dez. kor. pri pentroarto k. muziko: Nadeĝda Hristova, **5000 Veliko Tirnovo,** Balvanska Bitka 10 A

## GDR

Frieda Gabel, **2861 Gallin,** Pf. 42, subdistr. Lübz (46j.) dez. kor. kun virinoj el soc. landoj
Inĝ. ekon., 28j., komencanto, dez. kor. tutmonde pri arto, kol. bk, pm: Rolf Wendlandt, **2620 Bützow,** Wilhelm-Pieck-Straße 40

## Soveta Unio

Studentino, 20j., dez. kor. kun komencantoj: Algima Markevičiute, **232 040 Lithuanie,** Medjotoju n-ro 18
Gejunuloj el nova E-klubo dez. korespondi kun germanoj: E-klubo „Stelo", p.k. 184, **614 056 Perm**
Junulino, 17j., dez. kor. tutmonde kun gejunuloj pri literaturo, moderna muziko, filmoj, kol. bk: Daiva Sruoginyte, **234 270 Vilkaviŝkis,** Donelaiĉio 14, Litovio
16j. knabino dez. kor.: Irina Sedova, **194 021 Leningrad,** pr. M. Tereza 134
Anatolij Borodin, str. Karla Marxa 11, **322 500 Pokrovskoe,** Dnepropetrovskaja obl., Ukrainio: (31j.) dez. kor. tutmonde pri televizio, radioelektroniko, fototekniko, filatelio
Lernanto dez. kor. tutmonde pri sporto, fotado, literaturo: Juri Ŝevĉenko, Puŝkin pr. 64-203, **220 073 Minsk**
Ananjin Andrej, **400 112 Volgograd,** Bul. Engelsa 10 - 85, (18j.), dez. kor. pri E-agado, libroj, lingvoj
Grigaite Jolanta, **235 030 Kedainiai,** Vilainiu-53, Litovio, (17j.), dez. kor. tutmonde, kol. bk
Studento, 23j., dez. kor. pri muziko, sporto, beletro, kol. bk: Aleksandr Ŝulak, **662 600 Abakan,** Ĉertigaŝeva 118 — 250
V. P. Nazarov, **194 017 Leningrad,** Drezdenskaja 11 — 44, dez. kor. pri perfektigo de internacia lingvo kun profesiaj kaj amatoraj lingvistikoj.
33jara fraŭlo, inĝeniero-ekonomisto, sperta esperantisto, dez. kor. tutmonde pri aktualaj demandoj de E-movado: Boris Granat, **394 026 Voroneĵ 26,** Eremejeva 27
Korespondado kun gelernanto el GDR dez.
— ĝemelfratinoj Eve kaj Ave Tohv, **202 968 Viljandi,** Ramsi 14 — 11
— Alar Kuum, **202 968 Viljandi** Ramsi 14 — 7
Gintaras Ziaunys, str. Zemaityos 9 — 25, **235 500 Mažeikiai,** Litovio, (16j.) dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.
Studentino de pedagogio dez. kor. tutmonde: Marina Romanova, **443 070 Kujbiŝev,** ul. Partizanskaja, d. 106, kv. 16
Medicinistino, 19j., dez. kor. tutmonde: Jelena Budajeva, **443 013 Kujbiŝev,** ul. Miĉurina, d. 11, kv 54
Studentino de instituto de kulturo dez. kor. tutmonde: Jelena Tagajeva, **433 510 Dimitrovgrad,** Uljanovskoj obl., Prosp. G. Dimitrov, d. 27, kv. 47
Latva esperantistino, 23j., dez. kor. tutmonde pri literaturo, moderna muziko k. a.: A. Vulfa, **229 600 Jelgava,** P. Stuĉkas 11 — 13
Filologo, 29j., dez. kor. kun fraŭlino el GDR: Vladimir Girla, **279 800 Moldavio,** u. Floresti, str. 28-junio, 49 — 1
Konstruisto, 25j., dez. kor. kun gesamideanoj el GDR pri moderna muziko, vivo de gejunuloj en GDR: Leonid Kirdan, **703 039 Samarkand-39,** str. Sami Baeva 44
Adolf R. Lejter, str. „Kalinin", d. 60, loĝ. 13, **258 800 Hristinovka,** Ĉerkasa regiono, Ukrainio, dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.
Studentino, 20j., dez. kor. kun esperantistoj el la urbo Prenzlau: Roza Ĥodĵanijazova, **703 003 Samarkand,** ul. Nova 32
Studentino, 21j., dez. kor. tutmonde: Linkyte Vida, **235 913 Batakiu,** pst. Batakiu gelež. st. Taurages raj., Litovio
Studentino, 18j., dez. kor. tutmonde: Zvikaite Giebre, **233 031 Kaunas,** Narucio gt. 44—28, Litovio
Studentino, 19j., dez. kor. tutmonde: Vasiljeva Anina, **196 007 Leningrad,** Ligovskij prosp. 143—27
Instruisto-poeto, 40j., Panavas Petras, **234 910 Utena** ,Spalio 50-ĉio 64—5, Litovio, dez. kor. tutmonde

---

Herausgeber: Kulturbund der DDR
Esperanto-Verband
Redaktion: 1080 Berlin, Charlottenstr. 60
Fernruf: 2 20 29 91
Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke. Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. – Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. – Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckwerkstätte Glauchau
Artikel-Nr. (EDV) 7928 III-12-8 340